XIª jaro. Nº 168 (9) ⭑ Duonmonata ⭑ 20 majo 1914

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

**Ordinara eldono** . . . . . . . . 5.— Frankoj (2.— Sm.)
**Luksa eldono** . . . . . . . . . 6.25 Frankoj (2.50 Sm.)
*Svisa poŝtĉeka konto I. 824. — Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*
*La abonoj komenciĝas de la 1ª de ĉiu monato*

REKLAMO

**Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . **0.50 Fr.** (0.20 Sm.)
**Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) . . . . **0.40 Fr.** (0.16 Sm.)
**Korespondado** (1 enskribo) . . . . . **0.50 Fr.** (0.20 Sm.)
*Rabatoj: 4 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %; 24 enpresoj 50 %*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



NUNTEMPAĴOJ

# LA PACO

## ĈU VI VOLAS ĜIN?

Se vi akceptas neniun el la rimedoj kapablaj konstantigi la pacon, vi estas fakte partiano de la nuna milita stato.

Ni komencas en tiu ĉi Nº la publikigon de interesa kaj originala studo pri la paca demando, kiu pritraktos sinsekve la jenajn punktojn: Armadhaltigo, Malarmo, Malpligrandigo de l' armstato, Antimilitarismo, Arbitracio senescepta, Federacio.

Vi demandu hazarde cent homojn, ĉu ili aprobas la militstaton, ĉu ili deziras ĝian daŭron; almenaŭ naŭdek respondos ke, ege, ili malŝatas ĝin, ke, fervore, ili deziras nefiniĝontan pacon internacian.

La homoj, kiuj laboras por la paco, proponas diversajn rimedojn por efektivigi ĝin. Vi iru al cent homoj, vi parolu al ili pri unu el tiuj rimedoj; almenaŭ okdek el ili esprimos, ege aŭ ete, malaproban opinion kontraŭ ĝi.

La du ĉi supraj asertoj ŝajnas ne kunigeblaj, ĉar efektive ĉiu konscias ke, kiu volas atingi rezultaton, tiu akceptas uzi almenaŭ unu el la rimedoj al ĝi.

Sed tamen ili ambaŭ estas veraj: plej multaj homoj tre deziras la pacon, sed tamen, ili multe emas malaprobi ĉiun rimedon paccelan ĝis nun proponitan por forigi la militebleco. Kaj tio estas la kaŭzo de tiu alia stranga okazajo: malgraŭ la multeco de l' pacamantoj, milito estas ankoraŭ ebla.

Efektive, se ĉiuj, kiuj nomas sin pacamantoj, aprobus unu saman rimedon kapablan konstantigi la pacon, kaj diskonigus sian aprobon, tia unuanimeco venkus ĉiujn barojn.

Konsekvence, temptaŭge estas, ke ĉiu pacamanto, kiu konscias pri la grandegaj profitoj devenontaj de packonstanteco, pri la bedaŭrindegaj malutiloj de milito, ekzamenu, ĉu jes aŭ ne, li volas la pacon. Ĉiu rimedo proponita al la paco estas neperfekta — ne mirige, ĉu iu konas ion perfektan? — Ĉiu rimedo, uzate, naskus malagrablajojn, eĉ malprofitojn; demando solvinda estas: ĉu tiuj malbonajoj estas pli gravaj ol la bonajoj konsekvencaj de tiu rimedo.

Se post esploro ni konstatas, ke unu aŭ kelkaj rimedoj ne estas forjetindaj malgraŭ siaj malperfektecoj, tiam ni povos elekti unu el ili kaj, propagandante ĝin, montri la efektivecon de nia pacamo. Se, male, nia esploro devigas nin forjeti ĉiujn rimedojn al la paco — sen honto kaj kun bedaŭro, ni rifuzos fari iun laboron efikan kontraŭ la militebleco.

Antaŭ ol trastudi la diversajn rimedojn ĝis nun proponitajn por konstantigi la pacon, mi opinias utile, memorigi la ĉefajn kaŭzojn de la pacceladoj.

Multaj deziras la pacon nur pro korboneco, ĉar ili malŝategas la kruelajojn korpajn aŭ sociajn de la milito (vundoj, mortigoj, . . .; malriĉigoj, vidvinigoj, orfigoj . . .). Aliaj deziras, ke paco iĝu certe daŭronta pro tiu konstato, ke la formoj de la konkuro inter nacioj — kiujn oni nomas milito kaj armita pacstato — fariĝas tiom multekostaj, tiom malŝparigaj, ke eĉ ĉe la plej fortika, la plej riĉa, la plej verŝajne sukcesonta regno, la profito prudente esperebla de ambaŭ konkurformoj estas multe malpli grava ol tiuj kostoj aŭ malŝparoj.

Diversaj pacamantoj proponas haltigi la armadojn; la du reciproke plej malsimilaj formoj de tiu ideo estas: haltigo ĉiunacia (samtempa) kaj haltigo ununacia.

Konsento internacia por *haltigi* samtempe en ĉiuj regnoj la nun konstateblan kreskadon de militpreparaj oferoj, ne nur rekte ŝparigus por la homaro multe da mono kaj tempo gravvalora, sed ankaŭ ĝi naskus iom da reciproka konfido,

kiu, se ĝi ne sufiĉus por efektivigi samtempan malpligrandigon de l' armstato, almenaŭ plifirmigus la pacon.

Kelkaj propagandas, ke ilia regno devas haltigi dum kelkaj jaroj, post oficiala diskonigo de tiu decido sia, la plifortigon de sia armilaro, malgraŭ la ĉiea armstatkresko. Laŭ ili, tiu nobla konduto naskus, al ilia regno, konfidon de ĝiaj konkurantoj, pro kiu baldaŭ ili imitus ĝin; tiel, iom post iom, ĉie haltus la pligrandiĝo de armiteco; se espermalinde post kelkaj jaroj ilia regno konstatus, ke ĝia ekzemplo ne estas imitata, ĝi povas tiam uzi la monon, kiun ĝi ŝparis intertempe, por kompense plirapidigi la kreskon de siaj fortoj.

Ni rimarku unue, ke haltigo samtempa aŭ ununacia estas malmulte bonaj per si mem: ili ne malhelpas militon kaj ĝiajn kruelaĵojn, ili ne malpligrandigas la jam nun troajn elspezojn de l' armita pacstato kaj ne igas malpli multekostaj la postajn militojn. *Tiuj rimedoj estas atentindaj nur kiel komencaj paŝoj al malpligrandiĝo de l' armiteco.* Ne nur tiuj rimedoj malmulte efikus al la celo de la pacamantoj, sed ili estas sufiĉe malfacile trafeblaj.

Haltigo samtempa estas preskaŭ neebla. Por efektivigi tian samtempan haltigon, estas necese ke *ĉiuj* regnoj *samtempe* opiniu ĝin dezirinda.

Tia samtempa unuanima konsento estas ege malverŝajna.

Efektive, unuavide, samtempa halto en la vetkuro al ega armiteco ŝajnas simpla kaj justa, kaj pro tio facile trafebla rezultato. Pensinte iom, ĉiuj komprenas, ke tiu halto postulas neniun pacamon de tiuj maljunaj regnoj, kiujn la kurado jam sufokas, dum male ĝi signifus veran gravan oferon al homamo, ĉe tiuj regnoj kiuj, junaj kaj fortaj, facile daŭrigus la vojiradon. La konsento estas tiom pli malfacile trafebla, ke kelkaj el la maljunuloj akiris jam multe da premioj (kolonioj, k. a.) dum la aliaj posedas nur la junecon, la fortojn, la viglecon, dank' al kiuj ili akirus la estontajn premiojn kaj trofeojn de la vetkuradoj.

Militebleco ebligas malvenkon. Ebleco malvenki estas risko perdi, almenaŭ parte, la memregadon. Kompara pligrandiĝo de l' armaj fortoj de iu regno malintensigas por ĝi tiun riskon. Do, *tiom longatempe, kiam milito restos ebla* la junaj, facile plifortigeblaj regnoj ne akceptos halti en la vetkurado al ega armiteco, kiun, malgraŭvole, aliaj tuj forlasos.

Tial ke tiu rimedo estas preskaŭ certe netrafebla, kvankam ne forĵetante ĝin, ni devas elserĉi, ĉu ne ekzistas alia rimedo pli facile sukcesigebla kaj pli efika al la kontentigo de l' deziroj de l' pacamantoj.

Ni esploru do pri armadhaltigo ununacia.

Sen dubo: estas multe pli malfacile aprobigi de iu homo aŭ registaro la armadhaltigon ununacian ol la ĉiunacian. Pro tio ĉi kaj memorante, tion kion ni diris pli supre, oni povas konsideri kvazaŭ certe, ke neniam la regantaro de iu regno, kiu facile povus plifortigt sin, decidos halti, antaŭ la aliaj, en la konkuro al ega armiteco. Se regno, kiun la kurado jam preskaŭ sufokmortigis, faras tian decidon — eĉ se ĝi estas kaŭzita de efektiva oferemo al pacama idealo — ĝi ŝajnos, vidate de l' aliaj nacioj, kvazaŭ pruvo, ke tiu regno ne plu povas daŭrigi la kuradon. Do ĝi havos neniun aŭ preskaŭ neniun influon propagandan; ĝi ne naskos imitojn. Eĉ iuj timemuloj asertas, ke ĉi tiu ŝajno efikos kiel akcelkaŭzo de la armegemo de la konkurantaj regnoj.

Ili klarigas jene sian opinion.

Oni konstatas jam dum kelkaj jardekoj, ke, se iu regno plifortigas sin, ĉu por akiri relativan plifortecon kompare je siaj konkurantoj, ĉu por malgravigi sian malplifortecon komparan je ili, baldaŭ poste ĉi tiuj ankaŭ plifortigas sin. Ĉiu montras sin egale obstina, ĉiu daŭrigas plifortigi sin, malgraŭ ke ĝi scias, ke baldaŭ tiuj oferoj ĝiaj estos kompensataj, senigataj je efiko pro respondaj oferoj de l' konkurantaj regnoj. Konsekvence, se unu regno haltas, ŝajne, malgraŭ siaj deziroj, en la vetkuro al plia armiteco, ĝiaj konkurantoj emos pli ol antaŭe plifortigi sin, ĉar ili supozos, ke la novaj oferoj iliaj ne estos senefikigataj de oferoj kompensaj de tiu regno.

Ne plu atentante pri tiu ĉi opinio, estos prudente memori ke, okazinta en unu el la regnoj, kie propagando por ĝi povas sukcesi, tia decido ne naskus la imitemon, solan atentindan celon, kiu emigas iujn pacamantojn deziri ĝin.

Resume, armadhaltigo ĉu ĉiunacia, ĉu ununacia estus rezultato ne ŝatinda por si mem; atentinda nur kiel komenca paŝo.

Ni plie konstatis, ke armadhaltigo samtempa estas preskaŭ netrafebla celo. Propagando por halto ununacia, en la regnoj, kiuj facile povus plifortigi sin, estas certe malsukcesonta. Simila propagando en regnoj suferegigitaj de l' ŝarĝo de l' armita pacstato ne naskus la imitemon, kiu valorigus ĝian sukceson.

Tial ke, eble, kelkaj ne sufiĉe atentus la gravecon de l' argumento pri la kure laciĝitaj kaj la viglaj regnoj, ni alprezentos komparon pri unu duo da regnoj ambaŭspecaj, pri la du grandaj kies malkonsentoj, ĉu latentaj, ĉu okulvideblaj, plej multe el ĉiuj maltrankviligas la pacamantojn.

Unu el ili ne posedas koloniojn. Ĝia loĝantaro plimultiĝas rapide, ĝia riĉeco kreskas konstante dank' al ĝia komerco kun aliaj landoj. Tiu regno oferas multe, home kaj mone, por siaj fortoj militaj. Tamen, kelkaj aliaj oferas tiucele, proporcie, pli multe ol ĝi, ĉefe home. Ĝi do sen gravaj doloroj povus facile ankoraŭ plifortigi sin. Pro la diverseco de l' bezonoj de l' civilizita homo estas nepre necese, ke ĉiu regno ricevu produktojn el aliaj landoj; tiacele ĝi devas forsendi eksteren produktojn siajn. De tiu fakto rezultas bezono ne rifuzebla, por ĉiu regno, komerce rilati senpere aŭ ne kun aliaj landoj, ĉefe kun landoj aliklimataj.

Se la priparolata regno posedus koloniojn, ĝi povus ĉiam kontentigi tiun bezonon sian, sed ĝi posedas preskaŭ neniun; tial, se iam la grandaj regnoj, en kies landojn aŭ koloniojn ĝi eksportas, pligravigus la limimpostojn kontraŭ ĝiaj komercaĵoj, ilia ago estus tre doloriga por ĝi, eble ne tolerebla. Duvorte tiu regno povas plifortigi sin pli facile ol multaj aliaj, kaj kelkaj ĝiaj fundamentaj interesoj estas multe pli facile vundeblaj dumpace ol okazas je aliaj regnoj.

La alia granda regno, kiun mi volas kompari kun ĝi, posedas multajn koloniojn. En ili, estas disponeblaj por ĝiaj regnanoj multege da fruktodonemaj landoj, multege da riĉaj minoj, kiuj malavare rekompencus la laboron. Sed tiuj homoj sentas sin sufiĉe feliĉaj, nur ege malmulte da ili forveturas por ekspluati tiujn riĉaĵojn. La nombro de loĝantoj en tiu regno restas konstanta; ili oferas multe mone, multege home por sia forto milita. Pro tiuj kaŭzoj pligrandiĝo de tiu forto estas apenaŭ ebla, ĝi postulus de ili doloregajn oferojn ne tre efikajn.

Duvorte, tiu regno povus apenaŭ plifortigi sin, ĝi posedas pli multe da kolonioj ol estas utile por ĝi, nur milito aŭ minaco de milito malvenkdona povus trudi al ĝi staton suferigan.

Post tiu komparo mi supozas, ke ĉiuj komprenas, kiom malfacile sukcesus en iuj regnoj la propagando por samtempa haltigo.

Konstatinte la ne sufiĉan taŭgecon de armadhaltigo por konduki la mondon al nefiniĝonta paco, ni devas direkti esploran atenton al aliaj rimedoj.

*(Daŭrigota.)* *F. Brossier* (Paris).

 SOCIA VIVO 

## Vojaĝado per la transsiberia fervojo

Kiom oni estis rakontinta al mi en Berlin pri la enuigo de ĉi tiu vojaĝo, pri la malpureco de la Rusaj fervojoj, pri la malkomforteco de la kupeoj kaj — last not least — pri la teruraj kunvojaĝantoj, inter kiuj „ebriaj popoj“ kaj „malĝentilaj kozakoficiroj“ estis eĉ ne la plej malbonaj tipoj! Kunportadon de landkartoj aŭ eĉ de fotografiloj komprenebIe oni punas minimume per ekzilado en la minojn de Siberio, kaj ve! al tiu, kies pasporto ne estas laŭorda!

Tiamaniere „boninformitaj“ amikoj penis prepari min kaj mi devas konfesi, ke mi ekvojaĝis ne sen tiu ekterureto, kiun oni kutime sentas enirante malluman kavernon. Kiu scias, ĉu oni revidos la oran sunlumon!

Nu, mi tuj antaŭe eldiros mian juĝon pri la dekoktaga vojaĝo de Berlin al orienta Azio kaj malkaŝe konfesas, ke mi malofte faris vojaĝon pli belan kaj agrablan, ol tiu tra Rusujo kaj Siberio.

Enuo? — Tra regionoj kondukas nin la vojo, kiuj apartenas al la plej belaj de la tero. La majesta Uralo! Kiu, kiel mi, de la tria matene staris ĉe la vagona fenestro kaj vidis preterglitantaj la oritajn de l'unua matenlumo pinglarbarojn, la brilantajn ŝtonegojn, povos iam forgesi ĉi tiun vidaĵon? La solena trankvilo trafluanta tiujn senfinajn arbarojn plene komprenigas al ni la Homeran vorton pri la „sankta frumateno“. Kaj eĉ la senĉesa stepo de Rusujo, etendiĝanta orienten kaj okcidenten de Uralo, estas neniel enuiga, havas ian strangan, allogan ĉarmon kaj ĝuste komprenigas al ni fine multajn el la figuroj de Tolstoj kaj Gorki.

Poste la „Taiga“, la Siberia praarbaro kun siaj falintaj arbegoj, kun la netrairebla ĝangalo. La blankebrilaj betuloj belege verdaj en somero, la ĉiamverdaj pinoj kaj cipresoj! Kaj tiu belega, per ĉiuj koloroj briletanta floraro, kiu donas evidentan ateston de la fruktodoneco de la terfundo. Kian estontecon do havas tiu ĉi riĉa lando! Ĉu tio estas Siberio, kiun la okcidenta Eŭropano povas imagi al si nur kiel terure mizeran glacidezerton? La vagonaro rapidas tra regionoj, kiujn je romantika beleco apenaŭ superas la „tierra caliente“ de l'Hispana Ameriko.

Sole la Bajkallago kun sia arĝentokrono de la Sajanaj montoj kompensas la tutan vojaĝon. Kia majesta akvego, kia belega veturado inter la krutaj ŝtonegoj dekstre kaj la smeralde-verda lago maldekstre! La rusaj inĝenieroj estas prave fieraj pri ĉi tiu relvojo, kies konstruado prezentis nekredeblajn malfacilaĵojn. Malvarmega eĉ en aŭgusto estas la akvo de la lago. Ĝi ja nur en majo fandiĝas, surglaciiĝinte en oktobro. Banado en Bajkalo kaŭzis al ni fortan malvarmumon — kvankam ni nur ĝis la genuoj iris en la glacian montakvon.

Post la lago komenciĝas plej romantika parto de Siberio; montaro alĉeniĝas al montaro: Sajanaj kaj Jablonoj-montoj, Chingan- kaj Tatar-altaĵoj. Jen paradizo de l'ĉasistoj, hejmo de lupo, urso, de la granda Siberia tigro kun la longhara, vila felo; la Zoologia ĝardeno en Berlin posedas ja nun vivantan ekzempleron.

La krono de la belega panoramo, kiu du semajnojn preteriris niajn okulojn, estas Vladivostok, la fiera „reganto de l'oriento“, amfiteatre etendiĝanta al la nudaj ekstremaĵoj de la Tatara montaro.

Kaj pri la malpureco, la malkomforteco de la Rusa poŝtvagonaro? Nu, al multaj okcident- aŭ sud-eŭropaj fervojoj oni povus kore deziri, ke ili same klopodu pri pureco, kiel ĝin faras la Rusa fervojadministracio. La altaj, larĝaj, aeraj vagonoj estas tegitaj per linoleo, je la flankoj per vakstolo, ili havas duoblajn fenestrojn kaj bonegajn hejtilojn. Nur la lumigo — unu kandelo po kupeo! — ŝajnis al mi tute nesufiĉa.

Manĝovagonojn la rusa poŝtvagonaro ja ne havas. Sed kiel bonega kaj tamen tute ne multekosta estas la nutrado en la restoracioj de la rusaj kaj siberiaj stacioj, de la okcidenta limo ĝis Vladivostok. Kaj kiu volas vivi ankoraŭ pli malkare, al tiu oni povas konsili, en la vagono aranĝi kvazaŭ hejmon, kunhavi la bezonajn kuirilaron, telerojn, tranĉilojn, forkojn kaj aĉeti, kion li bezonas, sur la stacioj (ne ĉe l'bufedo, sed en la vendejoj ĉirkaŭ ĉiu stacidomo). Butero, fromaĝo, kolbasoj, ŝinko, lakto, pano kaj varmega akvo por la pretigado de teo estas tie haveblaj je malkaraj prezoj kaj preskaŭ ĉiam en bona kvalito. Kiel karakterizan ekzemplon mi nur menciu, ke rostita kokino kostis 30 kopekojn.

La dormlokoj de l'poŝtvagonaro estas larĝaj kaj longaj; litotolaĵon oni ja ne liveras. Sed kiu konsideras tion en vojaĝo ĉirkaŭ triono de la tero? Kiu ĝuste komprenas tiun veturon, kun iom da aventuremo, kuraĝo kaj pacienco, tiu gajnos la plej belajn rememorojn de sia vivo.

La pasportoj efektive estas ofte kontrolataj kaj stampataj en ĉiuspecaj koloroj. Sed kiun ĝenas tio? Ĝi ne estas pli teda ol la prezentado de l'bileto. Kaj la polico kondutas kun la fremdulo per la sama komplezemo kiel ĉiu Ruso. Entute mi devas tre laŭdi la ĝentilecon, afablecon kaj helpemecon de la Rusoj. Mirante mi vidis, ke du ĝendarmoj salutante unu la alian sur iu stacio, demetis la gantojn de la dekstra mano, antaŭ ol ili donis al si la manojn. Du simplaj rusaj ĝendarmoj, kiujn la okcidenta Eŭropano kutime prezentas al si ebriaj de wodka! Kaj la ebriaj popoj? La malbonmanieraj oficiroj? La kunvojaĝantaj, greke-katolikaj pastroj faris plej bonan impreson en siaj longaj talaroj kaj ondanta Kristo-hararo. Kaj la rusaj oficiroj, el kiuj la plej multaj parolas unu aŭ pli da okcident-Eŭropaj lingvoj estas ne nur perfektaj ĝentelmenoj, sed eĉ rave helpemaj al la alilandulo. Do mi rekomendas la veturadon en la rusa poŝtvagonaro al ĉiu, kiu volas atingi oportune, malmultekoste (dua klaso de Berlin al Vladivostok ĉirkaŭe 300 markojn) kaj rapide orientan Azion, kaj konservi pri sia vojaĝo multe da interesaj rememoroj.

*Gerhart.*

Trad.[1] *Joseph Sommer* (Del. Lippstadt)

## Edukado de la japana virino

Jam de jarcentoj la edukado de la japana virino estis fondita sur la reguloj de la tri obeoj: t. e. kiel knabino obei la gepatrojn, kiel edzino la edzon, kiel maljunulino la gefilojn aŭ genepojn. Ĉi tiuj reguloj, skribis en jurnalo: „*Oriental Review*“ S-ino „Naruze Jisizio“, unu el la plej kleraj virinoj de la imperio de la leviĝanta suno, estas la rezultato de la religiaj elementoj inter la popoloj de flava raso. Sed ĉu oni povas diri, ke ekzistas granda diferenco inter la obeo en Orientlando kaj tiu en Okcidentlando: precipe en la sudeŭropaj nacioj?

Antaŭ miloj da jaroj la „Budhismo“ enigis inter siaj dogmoj regulon teruran por la virinoj: „virino estas kreitaĵo plena je pekoj“, eble tio estas arbitra malhumileco de la orientaj viroj, kiuj volas signi tiamaniere la kunulinon de sia vivado; kaj ni, okcidentuloj, fakte moderigas tiun ĉi akran budhistan veron per plej ega ĝentileco kaj indulgo al virinaj pekoj; ĉar ni bone scias, ke ilia incitilo preskaŭ ĉiam estas la . . . viroj; cetere el la virinaj pekoj estas iuj tiel . . . dolĉegaj! Sed ni revenu al Orientlando.

[1] El *Deutsche Warte.*

Confucio, kiu jam antaŭ du jarcentoj, havis en Japanujo tiel mirindan intelektan sukceson en la teorioj pri la vivo, opinias ne tre grava la sintenadon de la virino, juĝinte ŝin resume malforta je inteligenteco kaj malfacile direktebla.

La logika rezultato de tiaj teorioj kaj de tia socia instruo estis tute nature en la orienta societo tia, ke la virino ne povis plenumi iun agon, kiu kapablas certigi ŝian propran personecon. Praktike la instruo de la junulino reduktiĝis al la senĉesa ripetado de ĉi tiu regulo: esti trankvila, dolĉa, submetata. Ĝi nature post jarcentoj disvolvis en la virino eksterordinarajn kvalitojn de singardemo, de disciplino kaj respekto al la viro, kun kiu ŝi estis unuigita; la japana historio efektive enhavas multenombrajn agojn de mirinda kaj heroa abnegacio.

Sed per la enkonduko de la okcidenta kulturo komencis eniĝi en Japanujon opinioj pli antaŭenemaj, kiuj en la komenco renkontis flanke de la tradiciistoj fortan kontraŭstaron, sed post tempo fariĝis devigaj.

Nuntempe ekzistas efektive pli ol 200 superaj virinaj lernejoj, kun meznombro da ĉirkaŭ 500 lernantinoj po ĉiu lernejo. Multaj el tiuj lernejoj celas instrui la virinon pri la gajno por vivi per muziko, kuracarto, desegnarto kaj pedagogio.

En la jaro 1901 estis fondita la unua universitato, kies direktorino estas ja S-ino „Naruze", kiu liveris al ni tiel interesajn statistikojn. Kaj por doni ideon pri la senpera favoro, kiun la nova institucio ricevis en Japanujo, sufiĉas diri, ke hodiaŭ 1100 studentinoj vizitadas la universitaton, dividitan en kvar sekcioj, t. e. pedagogio, nacia literaturo, angla literaturo kaj mastrumarto, kaj oni jam anoncas, ke baldaŭ estos malfermitaj aliaj sekcioj por muziko, desegno kaj medicino.

En la instruado oni lasas larĝan lokon al la morala elemento: oni celas doni al la studentino pli fortan spiritan vivon, sin inspirante el la propra religio por liberigi ŝin de la pereiga influo de materiistaj teorioj; ĉi tio koncernas la virinojn budhistajn kaj kristanajn; rilate al la senreligiaj oni uzas la plej grandan toleremon.

Konklude ankaŭ je ĉi tia rilato ekstrema Oriento sendas resalte al ni en Eŭropo reviditan kaj korektitan eldonon de civilizacio kaj progresado.

La flava malgranda popolo montras al ni la veran idealan perfektigitan vojon de la feminismo: tio estas la instruado kaj ĝia aplikado kaj alfarado al la vivo laŭ la nuntempaj bezonoj.

Kaj ni okcidentuloj, se ni rigardas la nunajn kondiĉojn de la virino en kelkaj sudaj eŭropaj provincoj aŭ insuloj, kiom malsuperaj ni ŝajnas kompare kun la malgrandaj japanoj.

*L. C.*

Trad. *Giov. Ragusin* (Trieste).

## La orproduktado kaj plikariĝo de la vivo

Estas certa fakto, ke en la mondo la oro fariĝis abunda, tro abunda. Sendube neniu el ni opinias, ke li posedas da ĝi tro multe. Sed en tia demando oni ne devas atenti pri la individuoj. La ekonomiistoj certigas al ni, ke tiu troabundeco de la flava metalo estas la vera kaŭzo de la plikariĝo de ĉiuj vivnecesaĵoj. Se oni plendas, ke la viando kaj la karbo, la sukero kaj la petrolo, estas pli karaj ol en la estinteco, tio devenas ĉar la minoj sendas al ni tro grandajn kvantojn de la multekosta metalo. Jen kurioza kaj interesa klarigo.

Oni provis dependigi tiun plikariĝon de tute aliaj kaŭzoj. Iuj opiniis, ke ĝin okazigis la progreso de la sociaj leĝoj: la industriistoj devigitaj respekti la leĝreguligon de la labortago kaj sekve dungi pliajn laboristojn, la komercistoj, kiuj devas suferi de la dimanĉa ripozo, dispartigis kiel eble plej grandan parton de siaj pluaj ŝarĝoj inter la klientoj. Sed tiu klarigo estis nesufiĉa. La industriaj produktoj plikariĝis en malpli alta proporcio ol la terkulturaj produktoj, kvankam la sociaj leĝoj koncernis ĉefe la industrion.

Oni ankaŭ pretekstis la pligraviĝon de la impostoj, sed tiuokaze en ĉiu regiono la plialtiĝo de la prezkurzoj devus esti proporcia je la graveco de la pliaj impostoj. Tio tute ne estis.

Alia kaŭzo estis proponita: la terkulturaj produktoj plikariĝis, ĉar la mondloĝantaro rapide kreskis. Oni forgesis, ke ĝi ne ĉie egale kreskis, ke en Francujo la nombro de la loĝantoj restis preskaŭ sama, kaj ke aliparte la produktado estis ankoraŭ pli rapida ol la hommultiĝo de la terglobo.

Tiam la ekonomiistoj siavice alportis atentindan rezonadon: estas tro multe da oro. La oro estas negocaĵo kiel ia ajn alia; ĝi do estas submetata al la leĝo de la peto kaj propono. Kiam ĝi estas en malmulta kvanto, ĝia valoro estas granda; kiam ĝi estas en granda kvanto, la valoro malaltiĝas. Sekve, en periodo de grava orproduktado, la aĉetpovo de l' oro malgrandiĝas aŭ per aliaj vortoj la prezo de la objektoj, kiujn ĝi devas pagi, senteble plialtiĝas. Ni estas nuntempe en tia periodo. Antaŭ du jaroj, ormonero pagis 5 kg. de iu komercaĵo; ĝi nun pagas nur 4, 4¼ aŭ 4½; tio okazas ĉar la reala prezo de tiu ormonero — ĝia ŝanĝvaloro — malaltiĝis.

Tiu rezonado estas diskutebla. Ĝi tamen estas atendinda kaj ne flankenlasinda.

Certa fakto estas, ke en la daŭro de la lastaj dudek jaroj la orproduktado grandege kreskis. Tiu kresko mem devenas de kelkaj kaŭzoj citindaj:

1e Novaj landoj, antaŭe apenaŭ esploritaj, estis detale ekzamenataj de pioniroj, kiuj serĉadis signojn de la multekosta metalo kaj notis ĉiujn minajn vejnojn. Tiel estis ekspluatitaj Transvaalo, Rodezio, angla okcidenta Afriko, Alaska, kiu apartenas al Usono, kaj Klondyke, kiu dependas de Kanado. Gravajn sumojn aldonis tiuj landoj en la mondcirkulado.

2e Landoj, kiuj antaŭe estis produktintaj oron kaj kies minoj ŝajnis elĉerpitaj, estis denove ekzamenataj. Ili ankoraŭ povis liveri ŝatindajn kvantojn.

3e Samtempe la orprodukta industrio pliperfektiĝis, la ilaro pliboniĝis. Tiamaniere en aŭstrala Afriko kaj en Aŭstralio oni sukcesis prilabori ŝtonblokojn, kiujn oni estus antaŭe forlasinta; novaj procedoj, ĝis tiam nekonataj, eltiris preskaŭ la lastajn orerojn, kiujn ili entenis. Oni reekspluatis en Francujo minvejnojn, kiuj estis tute forlasitaj depost la Romana epoko. Tuta lando, kien malmultaj Eŭropanoj penetris je la XIXa jarcento, nome la Katanga-regiono en belga Kongolando, estas nun travizitata de oresploristoj, kiuj menciis ĝian riĉecon.

Por montri la grandegan produktadon de la lasta tempo ni citu kelkajn ciferojn.

Je la tempo de la Romanoj, la oro venis el Minora Azio aŭ el Tracio — la nuna Balkana duoninsulo — sed tre malgranda estis la kvanto, kiu tiam cirkuladis. Je tiu momento oni kolektis orbrilaĵetojn en la sudfrancaj riveroj Rhône kaj Garonne. Oni scias, ke ankoraŭ nuntempe ekzistas tiaj orserĉistoj, sed ilia rolo restas modesta kaj iliaj profitoj malgravaj. La eltrovo de Ameriko je la XVa jarcento malfermis gravegan kampon por la orproduktado. La Hispanoj, kiuj superregis Meksikujon, Peruon, Kolombion, monopoligis la minojn, de kie ili eltiris gravegajn riĉaĵojn; la ormasoj estis je fiksa dato ekspeditaj al Cadiz, kiu tiam estis la ĉefa haveno de la Iberia duoninsulo. Sed, fakte, ĝis la mezo de la XIXa jarcento la cirkulanta orkvanto restis negrava, kaj entute kreskis ĉiujare en malforta proporcio. De-

post 1850 la kvanto rapide progresas, kun kelkaj fazoj de malakcelo aŭ senmoveco.

En 1850 la tuta orproduktado atingis 284 milionojn (frankoj). Sinsekve oni eltrovis orminojn en Kalifornio kaj Aŭstralio; tiu eltrovo tuj sekvigas gravegan ekonomian malreguligon. Dank' al la valorigo de ĝis tiam nekonataj minoj la orekstraktado subite plialtiĝis. La meznombro de la dekjara serio 1850—1860 ne malsuperis 600 milionojn (frankoj). El ili 40 % devenis el Nord-Ameriko, 33 % el Aŭstralio, 13 % el Rusujo kaj Siberio, kaj nur 4 % el Meksikujo. Ĝis 1890 la produktado ne multe ŝanĝiĝis. Ĝi atingis inter 550 kaj 675 milionoj (ekstremaj ciferoj); sed jam en tiu epoko la meznombro ŝajnis tre alta, ĉar oni antaŭe kutimiĝis konsideri, ke la normala jara produktado atingas 250 ĝis 300 milionoj.

Sed oni tiam komencis prilabori Transvaalon. En 1884 oni ekfosis la grundon ĉirkaŭ la loko, kie hodiaŭ troviĝas Johannesburg, rapidege kreskinta urbo de nun 150.000 loĝantoj. La rezultatoj de la unuaj jaroj ne estis tre gravaj, sed de 1895 la produktado kreskas. Oni scias, ke la posedo de la orproduktaj teritorioj estis fakte la kaŭzo de la Sud-Afrika milito, kiu finis la ekziston de la du respublikoj Transvaalo kaj Orange. De 1904 la ekstraktado de la transvaala oro konstante kreskas; samtempe pli norda regiono, nomata Rodezio (Rhodesia) estas esplorita kaj ekspluatita.

Dank' al aŭstrala Afriko, al angla okcidenta Afriko (Sierra Leone, Côte-d'Ivoire, ktp.), al la amerikaj minoj de Oregon, Colorado, Alaska, Klondyke, al Siberio (regiono de Lena), la orproduktado superas 2400 milionojn. Tio estas preskaŭ la dekoblo de la cifero atingita en 1850, la kvaroblo de la cifero de 1860. En sesdek tri jaroj 61 milionoj de oro estis eltiritaj el la tero. Aŭstralio liveris pli ol 16 miliardojn, Usono pli ol 18, Transvaalo pli ol 10.

Se oni konsideras la jaran produktadon en la plej lasta periodo, oni konstatos, ke el 2400 milionoj (frankoj) Afriko produktas 1025 milionojn, Usono 460, Aŭstralio 220, Rusujo 460, Meksikujo 80, Kanado 78 kaj Hindujo 55.

Trad.[1] *A. R.*

[1] El *„Le Miroir"* (Paris).

## Filmo kaj realeco

Vintraj plezuroj cedas al majmonato. Printempo venas kaj vintra sezono foriras. Kaj kiam oni rerigardas sur ĝin kaj en la mentalo denove preterpasigas la estintajn plezurojn, eĉ la supersatigito, plimalpli honteme, ekpensos pri multaj horoj perditaj en la kinematografejo, en tiu „kino", kiun oni mallaŭdegas, sed en kiun oni ĉiam denove eniras. Kial? Ĝi tute ne estas facile klarigebla, kial io al ni plaĉas.

Infanoriĉa patro, demandite, kio precipe plaĉas al li en la lumbildoj, diris: Oni parolas kaj paroladas, kaj tamen ni aŭdas nenion. Jen ankaŭ klarigo. Kaj sendube senbrueco estas ŝatinda kvalito en nia laŭta epoko. Sed ĝi sole ne povas klarigi la altirforton, kiun havas en si la filmo. Ĝi estas kredeble alia prefero. Se oni precize meditas, oni ankaŭ trovas ĝin. Ĉar kvankam ni en la filmbildo vidas puran realaĵon „fidele laŭ la naturo", tamen tiu „pura realaĵo" estas eĉ — multe pli bela, ol ĉiu realaĵo.

Ĉar unue en la kinomondo ekzistas preskaŭ nur grafoj kaj baronoj. Kaj kiam unu fojon malfeliĉulo ne estas tia, li almenaŭ, post kelkaj metroj da filmpasado, estas adoptata de nobelo.

Due, en kino oni veturas tute nur per aŭtomobilo. Tuj kiam iu eliras el vestiblo, jam alruliĝas tia eleganta veturilo. Tiuj „aŭtoj" ne nur veturas tre rapidege, sed ili pasas ankaŭ ĉiam tra mirindaj aleoj en belegaj marbordaj aŭ montaraj regionoj, kiel ĝenerale ĉiuj filmhomoj moviĝas ĉiam sur la plej belaj promenejoj el ĉiuj ilustritaj poŝtkartoj. Neniu rendevuo okazas alie, ol sub palmo aŭ inter florantaj rododendroj. Ĉiuj domoj, en kiuj loĝas tiuj feliĉuloj, havas marmorajn balustrarojn, super kiujn ili sopire povas klini sin, kaj kiam ili faras tion, ĉiam lumas la luno. Ili ĉiuj havas servistojn kaj ĉambristinojn, kiuj senĉese alportas aŭ demetas al ili la plej elegantajn mantelojn kaj ĉapelojn.

Sed ankaŭ alie ili prosperas bone. Ĉiu eltrovisto, kiu volas eltrovi ion, ankaŭ sukcesas. Li riglas la pordon, sidiĝas, vestita per kitelo perfekte pura, ĉe granda tablo, tuŝetas unufoje frunton per la fingro — kaj trovas. Domaĝe ili ĉiuj poste konservis la tutan sekreton de la granda eltrovo nur sur malgranda paperpeco, kiun ili kaŝis en faketo de l' skribtablo aŭ en leterujo, tiel ke ĝi facile povas esti ŝtelata, kio ankaŭ ĉiufoje okazas, de rivalo, kiu ĉiam pugnigas la manojn kaj spiregas malfacile. Sed post multe da aŭtomobilaj veturoj tra la plej belaj regionoj, la eltrovinto, dankon al Dio! reakiras ĝin. Kaj plej ofte kun ĝi eĉ riĉan heredantinon aldone, kiun volis havi ankaŭ la malbona rivalo . . .

Kie oni veturas tiel multe per aŭtomobilo, tie kompreneble de tempo al tempo okazas akcidento. Sed ĉi tie ĉiun malbonon sekvas feliĉo. Kiam iu estas superveturata de rapidanta aŭtomobilo, li ne nur ne estas mortigata, sed ĉiufoje ĝi estas privata aŭtomobilo, en kiun li estas metata, por iom pli poste esti kuŝanta en belega parko sur korbdivano kun negrave bandaĝita kapo, ĝis kiam li fariĝas fine negoca kompaniano de la tre riĉa viro lin superveturinta, aŭ edziĝas je ties sola, belega filino, kiu deziris nur lin.

Ĝenerale oni devas laŭdi, ke ĉiuj malfavorataj de la sorto komencas prosperi, post kiam ili ekinterrilatis al la filmaparato. Kaj vere mirinde estas, kiel iu malriĉulo en la plej proksima okazo havas jam bonege konvenantan frakon, kaj, kio estas eĉ pli mirinda, scias konvene porti ĝin. Kiel ankaŭ humila kudristino estas bele vestita kaj frizita, kaj eĉ la malespera sinmortigantino saltas en la akvon en nigresilka vesto, por poste esti savata kaj fariĝi ankoraŭ tre feliĉa. Kaj ne nur bone vestitaj en ĉiuj situacioj estas tiuj homoj, ili estas ankaŭ treege akurataj. Ĉiufoje ili estas tie, kie oni bezonas ilin. En la kriza momento ili ŝvup! malfermas pordokurtenon kaj staras meze de la ĉambro, aperas sur turpintoj, en minoj, en kajutoj de vaporŝipoj — neniu altaĵo estas al ili tro alta, neniu profundaĵo tro profunda. Estas kapablegaj homoj, ĉie sukcesaj. Kaj eĉ, se ili unu fojon efektive estas neakurataj — escepto pruvas ja la regulojn — el tio devenas al ili neniaj malagrablaĵoj. Se ili atingas la stacidomon nur tiam, kiam la vagonaro jam foriras, tio estas ĉiam ankoraŭ sufiĉe frue por ili. Ili simple saltas sur la bufron de la lasta vagonaro, kaj tie sidas tiel firme, kiel alia apenaŭ en kupeo de unua klaso. Kaj kiam ni ilin revidas, ili estas jam en Paris kaj faras mansignon al aŭtomobilo.

Nur io estas timiga ĉe ili. Tiuj elegantaj homoj ĉiuj havas en iu ŝranko boteleton da veneno, tiel, kiel ordinara homo konservas sian likvoron kaj konjakon. Se nun iu ne volas lasi priheredi sin aŭ kondutas iel neoportune, oni malfermas tiun ŝrankon kaj gutigas ion el la botelo. Feliĉe neniam okazas akcidento, ĉar ĉiam ĝustatempe iu observas la kriman agadon tra fenestro aŭ ŝlosiltruo. Ĉar tiuj ravaj homoj tute ne havas sekretojn je ni. Ĉiun leteron, ĉiun invitskribon, ĉiun vizitkarton, ĉiun telegramon, kion ajn ili ricevas, ni povas legi. Ĉar ni ĉiuj estas scivolemaj, tio kompreneble faras al ni plezuron.

Kontentaj, per rapidaj, facilaj filmpaŝoj, ni fine forlasas

la ejon de l' feliĉo. Mirigitaj ni jen vidas, ke la beleta knabino metas la leteron, kiun ŝi jus ricevis de la leterportisto, post rapida legado trankvile en la poŝon. Ni kutimis vidi tion tute alie. Kaj poste — ĉie lanternoj anstataŭ palmoj. Kaj la aŭtomobiloj ĉiuj preterpasas nin, anstataŭ tio, ke ili haltas antaŭ ni. Sed fine oni komprenas, ke ankaŭ tio estas — realeco.

Kaj se tio tute ne plaĉas al ni ĉe la proksima stratangulo estas alia kinematografejo.

Trad.[1] *Jos. Sommer* (Del. Lippstadt).

[1] El „*Deutsche Warte*".

## La alkoholmonopolo kaj la alkoholismo

La alkoholisma problemo, starigita de la kuracistaro antaŭ la publika opinio, komencas akre maltrankviligi la diversajn eŭropajn registarojn. Ili fine komprenas, ke al la alkoholismo estas ligataj ĉiuj sociaj malbonaĵoj: kriminaleco prostitucio, loĝantara malkresko, frenezeco, multnombraj senpardonaj malsanoj.

Komplika problemo. La kuracistoj atakas la danĝeron, kiu minacas la rason, sed kian solvon ili proponas? Ha! se sufiĉus diri al la homo: Ne trinku plu! Ĉar la alkoholo kaŭzas ĉe la drinkemulo notindan malplifortigon de la volo, nek minacoj, nek konsiloj haltigos lin sur la fatala deklivo.

En tiu rilato oni devas ordoni antaŭgardan socian kuracadon. Kelkaj landoj limigas la nombron de la kafejoj, aliaj supertaksas la alkoholon tiel, ke plialtiĝu la konsumprezo, fine, aliaj starigis la ŝtatan monopolon. Tiun lastan oni iafoje prezentas kiel ĉefan rimedon. Ĉu ĝi estas kapabla plibonigi la situacion? Ni tion demandu al la regno, kiu ĝin alprenis por tiu celo; nome al Rusujo.

En 1892, grafo Witte, timigita de la progresoj de l'alkoholo en la imperio, akceptigis la leĝon pri la monopolo. Ĉe la ŝtata Konsilantaro, li jene priskribis la gravecon de la danĝero: „Tre granda estas la forto de la kafejmastroj. Ili daŭras ebriigi, ekspluati kaj senmoraligi la popolon dank'al la vendo kredite, la akcepto de objektoj vivnecesaj kiel garantiaĵoj, la trompo, la vendo de malutilaj produktoj... La interesoj de la financadministracio kaj la popola saneco postulas regulan kaj sentrompan konsumadon, sed la libera komerco de l'alkoholo per la kafejoj ne povas plenumi tiujn postulojn. La kafejmastroj havas intereson, ke la popolo trinku kiel eble plej multe, ne sole por vendi plej grandan kvanton de alkoholo, sed ankaŭ por fari el la senkonsciigita kaj mizerigita popolo sian sklavon".

La nova leĝo do ne celis speciale pligrandigi la ŝtatajn enspezojn; tiu vidpunkto estis duagrada en la priokupoj de grafo Witte. „La ĉefa celo, li diris en cirkulero de la 22 decembro 1894, estas la sobrigo de la popolo."

Jen la ĉefaj punktoj de tiu leĝo: La rusa regno enkondukis la monopolon de la purigado kaj vendado de la alkoholo; la produktado restis libera, sed tamen limigita de maksimumo fiksita de la administracio. La brando liverata de la ŝtato havas 40 gradojn. Ĝi estas entenata en kvin malsamaj modeloj, kies enhavo estas respektive 3 litroj, l. 0,60, l. 0,30, l. 0,12, l. 0,06. Sed precipe la vendpolico kaŭzis severan reguligon. La brandboteloj estas liverataj nur en ŝtatvendejoj, similaj al la tabakvendejoj en la tabakmonopolaj landoj; la nombro estas fiksita por ĉiu provinco; la tenisto ne estas interesata je la prospereco de la vendejo; la leĝo estas tia, ke li estas instigata kiel eble plej malmulte vendi. En la butikoj, nenia seĝo, nenia tablo, nur kontoro, kie la kliento interŝanĝas, pagante kopekojn, malplenan botelon kontraŭ plena, riĉe provizita je sigeloj kaj banderoloj. Malpermesite estas malŝtopi la botelon en la butiko. Nenia kredito estas allasata, eĉ por la plej bonaj klientoj. Fermo je la oka vespere en la kamparo, deka vespere en la urbo, dimanĉe kaj festtage tuj je la fino de la meso. Malpermesite estas malfermi je la Sankta Vendredo, Kristnasko kaj Novjar-tago.

Oni do konstatas, ke tiuj reguloj estas aparte severaj. La punsankcio por sekreta vendo de alkoholo estas malliberigo dum du ĝis kvar monatoj. Sed la rusa leĝo faris ion pli: ĝi antaŭvidis la starigon de specialaj kuratoroj komisiitaj por instigi al la sobreco. Ili ricevas ŝtatan monhelpon (50.000 rubloj po provinco). Ili faris bonan propagandon. La kuratoraro de Peterburgo, per propra mono, starigis la popol-teatron Nikolao II[a]; po 10 kopekoj, la laboristo ricevas lokon kaj povas aplaŭdi la grandajn naciajn ĉefverkojn: la Vivo por la Caro, de Glinka, aŭ Maja Nokto, de Rimsky-Korsakow. Prave oni povas diri, ke pli bone estas iri tien ol en la kafejon.

Nu, kiaj estas la rezultatoj de tiu bela entrepreno de socia sobrigo, kiun neniu lando, krom eble la skandinavaj ŝtatoj, kuraĝis iniciati?

Ni respondu per unu vorto: malbonegaj.

Grafo Witte esperis, ke la limigoj truditaj de la leĝo kune kun la eduka agado de la kuratoroj kaŭzos iom-postioman malpligrandiĝon de la alkoholvendado. Li antaŭvidis notindan malplialtiĝon de la impostenspezoj, sed ĝoje konsentita estis tiu ofero kompense de la progreso efektivigota. Nu, ĝuste la malo okazis: la alkoholmonopolo havigas grandegajn profitojn — kompreneble je la malprofito de la popola sano. Starigita en 1894, ĝi en 1902 pagis ĉiujn elspezojn por organizo, uzinoj, tenejoj sortimentoj kaj jam lasas renton de 27 milionoj. En 1903 tiu rento atingas 387 milionojn, 443 milionojn en 1905 kaj de tiam senĉese ŝveliĝas.

Kio do fariĝis la regularoj? Ĉu neaplikitaj? Tute ne: la drinkemulo ne plu povas trinki en la kafejo, li trinkas en la strato, li trinkas en la koridoro de la vendejo, li trinkas sur la trotuaro; eltrinkinte la botelon, li reiras al la vendejo por interŝanĝi la malplenan botelon kontraŭ plena. Lertege li malŝtopas la ŝtatan botelon; nenia bezono de korktirilo: trafa frapo sur la fundo, la korko forsaltas, la operacio estas plenumita. La trilitran botelegon li kunportas hejmen; anstataŭ riproĉi lin pri lia malsobreco kaj malŝparo, la edzino sidas ĉe la tablo kun la edzo kaj la infanoj. La sociologoj, kiuj esperis la moraligan agadon de la familio, estas kruele trompitaj.

Al tia situacio la publika atento estis antaŭ nelonge altirita de la politikaj okazintaĵoj, kiuj kaŭzis la eksiĝon de la rusa ĉefministro, S-ro Kokovtzoff. Ŝendube la unuan fojon, ministro eksiĝas pro la alkoholdemando. Oni ne plu provas ion kaŝi. En sia reskripto la caro insiste postulas, ke la financa politiko ne plu direktiĝu al la „ekspluatado de la malvirtoj detruantaj la moralajn kaj ekonomiajn fortojn".

La monopolo montriĝis do plene nekapabla kontraŭbatali la danĝeron? Ĉu pri tio ni povas miri? Ĉu en aliaj landoj la monopolo de la tabakoj, tamen kare vendataj, plimalgrandigis la konsumadon?

En la manoj de financministro, la monopolo ĉiam havos nur unu celon: kiel eble plej multe pligrandigi la ŝtatan trezoron.

D-ro *Lucien Marie* (Trad.[1] *A. R.*).

[1] El *Le Journal* (Paris).



# ☆ NOTOJ ☆

.·. **La laboristaro en Svisujo.** — Estas konata fakto, ke Svisujo relative havas la plej grandan nombron da fremduloj kaj ke granda parto el ili, de ambaŭ seksoj, estas laboristoj en la metioj, industrio, komerco, interkomunikiĝo, terkulturo ktp. En 1910 estis 562.296 alinaciuloj inter 3.765.002 loĝantoj. Laŭ la kalkulo de la metioj en 1905, 625.299 personoj estis okupataj en la industrio kaj la metioj; el ili estis 472,578 Svisoj kaj 152.721 eksterlandanoj. Tiu cifero enhavas laboristojn, oficistojn kaj lernantojn. La eksterlandanoj apartenas al la sekvantaj nacioj: Italoj 85.866, Germanoj 45.093, Francoj 16.460, Aŭstrianoj kaj Hungaroj 9623, diversaj nacioj 1679.

La tabelo ĉi suba montras, kiom da personoj estis okupataj en 1905 en la diversaj profesioj:

| | Svisoj | Eksterlandanoj | Sumo |
|---|---|---|---|
| nutraĵo kaj ĝuartikoloj . . . . . . | 52.643 | 10.990 | 63.633 |
| vestofarado . . . . . . . . . . . | 82.312 | 18,657 | 100.969 |
| konstruado kaj ligna industrio . . . | 112.163 | 85.327 | 197.490 |
| teksa industrio . . . . . . . . . | 96.627 | 15.342 | 111.969 |
| papera, leda kaj kaŭĉuka industrio . | 4.917 | 951 | 5.868 |
| ĥemia industrio . . . . . . . . . | 6.711 | 2.565 | 9.276 |
| metala kaj maŝina industrio . . . . | 94.249 | 14.090 | 108.339 |
| grafikaj metioj . . . . . . . . . | 15.113 | 3.573 | 18.686 |
| lumigado . . . . . . . . . . . . | 6.118 | 955 | 7.073 |
| metioj en malliberejoj . . . . . . . | 1.725 | 271 | 1.996 |

La alinaciuloj estas do okupataj plej parte en la konstruado, poste en la vestofarado, la teksa, maŝina, grafika industrio ktp. De tiu laboristaro estas 441.378 viroj kaj 183.912 virinoj. La aĝa grupo de 14 ĝis 19 jaroj enhavas 99.335, tiu de 20 ĝis 59 jaroj 500.148, tiu de 60 kaj plu 25.796 gelaboristoj. Almenaŭ 350.000 gelaboristoj povus sin organizi, sed estas organizataj nur 58.820 viroj kaj 5043 virinoj.

Per la supraj ciferoj oni vidas, ke Svisujo estas industririĉa lando kaj ke la hotela industrio por fremdaj vojaĝantoj ne estas la ĉefa industrio, kvankam tre grava. Tiu industrio siaparte okupas grandan nombron da personoj, el kiuj estas ankaŭ nombrego da alinaciuloj. — Trad. *E. Schauenberg* (Winterthur).

.·. **Esplorado de Nova Gvineo.** — S-ro Baker, ĉefo de la Ekspedicio sur Fly Rivero, raportis al Ministro de l'Eksteraj Aferoj de Aŭstralio pri laboro ĝis nun farita. Post vojaĝo ĝis ĉirkaŭ 20 mejloj laŭlonge de larĝa branĉo de la Strickland Rivero la ekspedicio eniris plej grandan lagon ĝis nun konatan en Papuo. Li restis dum kvar tagoj sur la lago kies perimetro egalas 100 mejlojn. La lagon li nomis Lago Murray. Tie li kun S-ro Burrows, kun ses armitaj policanoj, preskaŭ estis kaptita de malamikaj enlandanoj. Nearmitaj enlandanoj invitis ilin surbordiĝi, dum virinoj kaj infanoj sin montris sur bordo ĉe la vilaĝo. Sed kiam la ekspedicianoj surbordiĝis kaj iris al la ĉefa domo, virinoj kaj infanoj subite malaperis, kaj la du blankulojn ĉirkaŭis multaj pentritaj, plene armitaj militistoj, kies intencoj estis evidentaj. La policanoj prenis sur sin maltiman mienon, kaj ĉiuj malrapide reiris al la baleno-boato. Tiu ĉi manovro sukcesis malhelpi ian atakon.

En alia okazo, ĉirkaŭirante turniĝon en rivero, la ekspedicio rekte renkontis en kanotoj ĉirkaŭ 150 militistojn, kiuj jus revenis de kapĉasa ekskurso. La policanoj devis pafi super la kapoj de la sovaĝuloj, el kiuj neniu vundiĝis. Iom poste la ekspedicio alvenis al loko kie troviĝis restaĵoj de viktimoj de tiuj enlandanoj. Tie kuŝis virinaj torsoj senkapaj, senbrakaj, kaj parte senhaŭtigitaj, sur la bordo, kie ŝajne antaŭe estis paca sagufabrikejo. Dum reiro al baztendejo, ĉirkaŭ 800 militistoj provis haltigi la ekspedicion, sed ilia ruzo estis malkovrita pere de fortaj lomoj. Kelkaj nearmitaj enlandanoj staris sur riverbordo kaj pace mansignis, dum ĉirkaŭ 400 militistoj en siaj kanotoj sin kaŝis en riverkanoj, kaj aliaj 300 aŭ 400 kuŝis post la vilaĝo. Tuj kiam ili vidis, ke la ekspedicio preteriros senatente al ili, la enlandanoj sin montris kaj plenigis la ĉirkaŭaĵon. Nur post kelkmejla irado la ekspedicio haltis por pasigi la nokton.

Rilate al la laboro plenumita de la ekspedicio, S-ro Baker esprimas sian bedaŭron, ke entute ĝi ne estas kontentiga. Ĝenerale ili vojaĝis malrapide. Li kalkulis, ke la loĝantaro sur Rivero Strickland kaj Lago Murray atingas la nombron de ĉirkaŭ 2100 (nur sur la okcidentaj bordoj). Tial ke en tiu distrikto enlando estas tute marĉa, nur laŭrivera vojaĝanta popolo povas ekzisti, kaj li opinias, ke la tuta landspaco inter Fly kaj Strickland Riveroj ĝis latitudo 6.48 estas marĉa kaj neloĝebla. Laŭ montroj viditaj dum vojaĝeto laŭlonge de Fly Rivero (27 mejloj) li opinias, ke lando okcidente de tiu rivero estas pli taŭga por loĝado, kaj tial eble tie ekzistas sufiĉe multnombra loĝantaro. Kvankam Lagon Murray ĉirkaŭas plejparte marĉoj, tiujn marĉojn kunigas rimarkindaj longoformaj altaĵetoj sur kiuj, pro riĉeco de la tero, kreskus ia kreskaĵo. Oni facile ŝipiras sur la lago en kiu, kiel ankaŭ en la Herbert Rivero, la akvo estas profunda. Li neniam vidis pli larĝajn kokosojn, la sukerkano estas bonkvalita, kaj tabako libere kreskas. — *C. C. Dornbusch*, (Del. Warwick, Queensland).

.·. **Tri milionoj da markoj por radiumo.** — Per la konatiĝo de la grava sanigeco de radioaktivaj substancoj naskiĝis en ĉiuj civilizitaj landoj vera malsato je radioaktivaj preparaĵoj. Germanujo superas ja rilate al la donado de monrimedoj preskaŭ ĉiujn landojn de la mondo, sed rilate al la akiro de radiumo ĝi ne estas bone lokata. La ekzisto de radioaktivaj minaĵoj estas nur malofta en Germanujo. Pro tio ĝi estas preskaŭ tute dependa de la importo el eksterlando. Tiu ĉi importo estas sufiĉe danĝera rilate al la multaj monrimedoj, kiujn oni devas oferi, kaj rilate al la malfacileco kaj al la falsebleco de la preparaĵoj. Precipe oni devas atenti, ke la aĉeto de la preparaĵoj de tiaj firmoj, kiuj en Germanujo ne havas valorojn, kiuj donas al ni garantiojn, precipe estas danĝera, se ili postulas antaŭpagojn. Sed dezirinde estas, ke oni peru la radiumon ankaŭ al tiaj malsanuloj kaj malsanulejoj, kiuj la necesajn grandajn kostojn ne tuj aŭ tute ne povas pagi.

Al unu el la plej famaj fabrikoj de medicin-sciencaj aparatoj al la *Veifa-Werke*, en Frankfurt a. M. (Germanujo) la societanoj de tiu ĉi firmo permesis krediton ĝis tri milionoj da markoj kun la intenco, provizi la malsanulejojn je radiumo kontraŭ kiel eble plej malgrandaj prezoj kaj atingante la kiel eble plej grandan garantion kontraŭ la falsado.

La Veifa-Werke estas nun fondinta novan societon, la tiel nomatan *Veifa-Radium-Institut*, post kiam ili estas studintaj dum multmonataj studvojaĝoj ĉiujn detalojn de la fako. La laŭstatuta celo de la nova societo estas, krom la akiro kaj vendado de radioaktivaj substancoj, precipe sciencaj esploradoj kaj la provizado de la malsanulejoj kaj kuracistaj institutoj je radioaktivaj substancoj kontraŭ kiel eble plej malgrandaj prezoj kaj la atingado de kiel eble plej granda garantio kontraŭ ĉiuspecaj falsadoj. La scienca kontrolo pri la preparajtoj prenis sur sin la fame konata Roetgenologo Friedrich Dessaŭer. — *H. Fricke* (Del. Frankfurt a. M.).

.·. **Ruslanda termastruma Ĉambro.** — En Rusujo estas lastatempe fondita termastruma ĉambro por defendo de termastrumaj interesoj. Baldaŭ okazos en Peterburgo komuna kunsido, kiu pritraktos la demandon pri komercaj interrilatoj kun Germanujo, Ameriko kaj Italujo. La Ĉambro ankaŭ intencas aranĝi en Rusujo internacian mondekspozicion. — *Ir. S. Pŝesucky*.

.·. **Aŭstriaj universitatoj.** — Dum la semestro 1912/13 studis 30,591 geaŭskultantoj. En la universitato de Wien estis 10,225, Lwów 5567, en ĉeĥa en Praha 4406, Krakow 3647, Graz 2147, en germana en Praha 2053, Innsbruck 1357, Ĉernovic 1189. En ĉiuj altaj lernejoj estis dum vintrosemestro 2624 studentinoj. — *O. V.*

## Al niaj Abonantoj

**Ni petas, ke ĉiuj abonantoj, kiuj estas informitaj de nia administracio pri finiĝo de sia abono, bonvolu kiel eble plej baldaŭ sendi sian reabonon por eviti al si interrompon en la ek pedado kaj al ni senutilajn klopodojn.**

**En la landoj, kie tio estas ebla, ni enkasigas la reabonojn per poŝtrepagoj. En Rusujo, S-ro SZABUNIEVICZ, Del., Moskvo, estas rajtigita de ni por sendi tiujn poŝtrepagojn.**

# LITERATURO

## TRA LA ESPERANTA LITERATURO

*Petro Stojan.* — **Universala slipa enciklopedio.** — Librejo Esperanto (Moskvo).

En nia recenzo aperinta en la № de 20 marto 1914, ni riproĉis, ke S-ro Stojan, anstataŭ supersigni la literojn, ilin postsekvigis de apostrofo. Kaj ni aldiris: „Ĉar ĉiuj Esperantaj libroj en Rusujo estas presitaj laŭfundamente, oni rajtas pensi, ke S-ro Stojan tiel faris nur pro reformemo." Kelkaj Peterburgaj Esperantianoj, per ĝentila poŝtkarto, certigas, ke „S-ro Stojan uzis apostrofon anstataŭ supersigno, ne pro reformemo, sed pro presaj kondiĉoj en Peterburgo". Ni ĝojas, ke nia kritiko altiris al ni tian kontentigan ateston.

* * *

1914. **Esperantista Poŝkalendaro,** redaktis *H. Böbs.* Lübeck. — Dresden, Ader kaj Borel. Prezo: Sm. 0.40.

Ne aperis la Poŝkalendaro en la jaro 1913. Feliĉe multaj plendis pro la neapero kaj tiel instigis S-rojn Ader kaj Borel, ke ili daŭrigu tiel utilan eldonadon. Pri kelkaj punktoj ili ŝanĝis la enhavon de la libro; ekz. ili prave forigis la liston (neeviteble malĝustan kaj nekompletan) de ĉiuj grupoj Esperantistaj en la mondo, kaj decidis publikigi nur la grupojn en Germanujo, Aŭstrio-Hungarujo kaj Svisujo, pri kiuj estis eble ricevi pli verajn informojn.

Krom la kutimaj poŝkalendaraj rubrikoj, tiu ĉi enhavas artikolojn de S-jor Köpper (pri la reformo de la kalendaro), Emile Houbart pri Paris, P. Bennemann pri Leipzig. Bedaŭrinde por la negermanoj, kelkaj artikoloj estas verkitaj en germana lingvo.

La paĝoj 92-108 enhavas gravajn sciindaĵojn, ekz. pri la historio de Esperanto, Deklaracio pri Esperantismo, la Espero, Lingva Komitato kaj Akademio, ktp. Dek blankaj paperfolioj kaj diversaj tabeloj igas tiun oportunan 218-paĝan kun multaj anoncoj poŝkalendaron plej praktika manlibreto kaj efika propagandilo.

* * *

Esperanta Biblioteko Internacia. N-ro 25. *Hélène Christaller,* **Noveletoj el la nigra arbaro** (trad. *W. Christaller*). — N-ro 26. *A. de Vigny,* **La Intervidiĝo kaj Nekonita Dialogo** (trad. *Sam. Meyer*). — N-ro 27. *E. Zahn,* **La Patrino** (trad. *J. Ŝmid*). — N-ro 28. *Charlotte Pulvers,* **Elzasaj Legendoj** (originala). — Prezo de ĉiu libreto: Sm. 0.10.

Jen estas kvar novaperintaj specimenoj de tiu ĉarma kolekto, kiu meritas plenan sukceson ĉe la Esperantista legantaro pro la bona elekto de la eldonitaj verkoj (originalaj aŭ tradukaj) kaj ankaŭ pro la klasika, zorge korektita stilo.

Legante la supreciitajn, mi vagadis tra plej diversaj landoj kaj epokoj. — 1e Gesinjoroj Christaller (onklino kaj nevo) min promenigis tra la Nigra Arbaro kaj konatigis min kun la vilaĝa tiea vivo. Plej interesis min la noveloj *Bapto de Ciganido* kaj *la Malgranda Dengler,* petola knabo, kiu fine elmontriĝas bonulo kaj bravulo. Tre ĝuste kaj juste diras diras S-ro P. Christaller (la verketo estas familia kunlaboritaĵo): La „rakontoj de mia bofratino" montras eminentan kapablon ekkoni kaj prezenti la sentojn de plej diferencaj animoj. Same rimarkinda estas la komprenemo pri naturo kaj la bonkora humoro enhavata ofte en la rakontoj."

2e A. de Vigny enscenigas kaj revivigas gravajn historiajn personojn: franca reĝo Ludoviko XIII kaj kardinalo Richelieu, Napoleono I kaj papo Pio VII.

La fama poeto, aŭtoro de la grandsukcesa historia romano Cinq Mars (1826), de multaplaŭditaj kaj diskutitaj historiaj dramoj, Stello (1832), Marŝalino d'Ancre (1830), Chatterton (1835), havas mirindan talenton por doni al Richelieu, Napoleono kaj aliaj famuloj versimilajn sintenon, sentojn kaj parolojn. La stilo de la tradukisto, Sam. Meyer, ne bezonas rekomendon.

3e Ernst Zahn estas unu el la plej eminentaj verkistoj. Sed mi devas konfesi, ke nur per Esperanto mi sciiĝis pri liaj nomo kaj verkoj. „Li majstre verkas pri la vivkondiĉoj en la Svisaj Alpoj kaj liaj libroj elspiras la freŝan aeron de la neĝmontoj." En la „Patrino" la aero estas, ne nur freŝa, sed akra, tranĉa kaj ventega. Terura rakonto! Juna Sviso forvojaĝinta Amerikon revenas en la montan vilaĝon. Senpacience atendas la amitan filon la maljunaj gepatroj. Ho ve! Kiom ŝanĝita estas la knabego, korpe kaj precipe laŭkore! Se vojaĝoj plibonigas unujn, ili difektas aliajn. Ameriko tute malvirtigis Georgon; li fariĝis mallaborema, bruta, drinkema, voluptema. Li ofendas, eĉ batas sian respektindan patron kaj provas perforti sian nevinon. La patrino mem devas mortigi sian filon kiel rabian hundon...

4e La naivaj kamparaj legendoj, kiuj tiel poezie karakterizas apartan landeton, eĉ vilaĝon, ĉar ili elkreskis el la popola simpla fantazio, iom post iom forgesiĝas kaj malaperas. Pro tio oni devas dankemi al la piaj verkistoj, kiuj kolektas tiajn legendojn kaj ilin konservas laŭ ilia plena freŝeco por la instruo kaj plezuro de la estontaj generacioj. Tion ĉarme faris F-ino Ch. Pulvers, kiu deziras „tiun ĉi legendaron konigi al ĉiuj ŝiaj gesamideanoj en proksimaj kaj malproksimaj landoj, por ke tiuj legendoj pri ŝia patrolando Elzaso estu konataj kaj ŝatataj de ĉiuj." Ne sen emocio mi legis tiujn dek legendojn pri tiu bela, malfeliĉa lando, kiu „spertis multspecan sorton kaj de jarcentoj al jarcentoj fariĝis aŭ provinco de Franclando aŭ provinco de Germanlando".

* * *

*L. E. Meier.* — **Kvin Noveloj** esperantigitaj laŭ germanaj aŭtoroj (257 paĝ.). — Centra Eldonejo (Magdeburg). Prezo: 1 Sm.

Tiu libreto (Noj 5, 6 de la kolekto Internacia Mondliteraturo) enhavas novelojn de K. F. Rumohr (Lasta Savello), Th. Körner, la Ŝtonegoj de Hans Heiling), J. G. Seidl (la Bluulino, la Invalido), F. Grillparzer (Malriĉa Muzikisto) kaj F. Halm (Du Amikinoj).

Ĉiuj noveloj ne estas samvaloraj nek egalinteresaj. Kun pleja plezuro mi legis la unuan kaj la lastan. Per la unua, K. F. v. Rumohr transportas la leganton en la tempon de Karlo Va kaj de papo Paulo III, kaj nin konatigas kun la arbitraj kaj perfortaj moroj de la tiama Roma nobelaro, kiuj kaŭzis, kompreneble, terurajn revenĝojn de perfortitaj popolanoj. — Per la Du Amikinoj, ni ĉeestas en Irlando tragediajn okazintaĵojn inter tri personoj, la grafo de Ormond, lia edzino Elisabeth kaj ŝia amikino Isabella. La du verkistoj per iom malrapida mano enkondukas la leganton en la dramon, sed iom post iom la agado fariĝas pli kaj pli vigla kaj emociplena, kaj la tuta rakonto malavare rekompencas la persisteman leganton.

Antaŭ ĉiu novelo, konciza antaŭparolo de la tradukinto nin sciigas pri la vivo kaj ĉefaj verkoj de la novelisto kaj alportas bonan materialon por historio de la germana literaturo.

En la komenciĝo de Malriĉa Muzikisto (p. 147) stranga fuŝmiksado de preslinioj faras tiun paĝon almenaŭ parte nekomprenebla. Krom kelkaj preseraroj kaj neutilaj neologismoj (kurvetoj, partizanoj, akampananto, fesi (227) kuverto (225) la stilo kvankam iom tro periodema, estas ĝenerale korekta kaj ofte flua kaj imitinda.

* * *

*Homunkulus:* **Solecaj animoj,** unuakta gajaĵo, trad. *Oskar Süssmann.* — Eger'a presejo (Hungarlando). — Prezo: Sm. 0.10.

Tre gaja kaj sprita estas tiu unuakta komedieto facile prezentebla en Esperantistaj kunvenoj (per du sinjoroj kaj du sinjorinoj). La stilo posedas la necesan en teatraĵoj vivantecon kaj rapidfluecon, kaj ĝi estus nur laŭdinda, se la tradukinto ne uzus kelkajn neologismojn aŭ nekorektajn radikojn, ekz. *zako, leĝere, filistra, aĥileo, brutale, diskrecio, operedo.*

*Verto.*

# Bileto de blankbarbulo

## *La forigitaj makuletoj*

*Rakontis la Blankbarbulo:*

*Knabeto en la ŝtofo mem de sia vesto rimarkis sensignifan makuleton. Ĝi terure ĉagrenigis lin kaj, malgraŭ la admonoj de sia patrino, li nepre volis ĝin forigi. Kio okazis? Trueton li faris en la ŝtofan teksaĵon. Grandiĝis rapide la trueto ĝis truo kaj fendo. Post kelkaj tagoj la vesto mem tute estis difektita.*

*Rakontis ankoraŭ la Blankbarbulo:*

*Sur dekstra vango belulino havis malgrandan lentugon — etan muŝeton sur rozoj kaj lilioj. Ĝin riproĉi neniu eĉ pensus. Ĉagrenigis ĝi tamen la elegantan virinon. Kuracisto ŝi venigis, kiu promesis malaperigi la makuleton. Kaj efektive ĝi malaperis, sed samtempe la vangaj rozoj kaj lilioj, la tuta ĉarmo de l' freŝa vizaĝo.*

*Ne plu rakontis la Blankbarbulo. Oni eniris la manĝoĉambron kaj, dum la tagmanĝo, oni parolis pri tiuj, kiuj volis forpreni de nia Esperanta alfabeto unu aŭ alian literon, kiu malplaĉas al ili.*

*Gasto tamen opiniis, ke ĉar ni kombas niajn harojn per kombilo, brosi ilin ni devus per brosilo kaj ne per broso.*

*— Prava vi estas, respondis la Blankbarbulo, sed, ĉar vi tranĉas vian viandon per tranĉilo, kial do vi ne alportas ĝin al via buŝo per forkilo kaj ne per forko. Baldaŭ la ĉambristino forprenos de sur la tablotuko la panpecetojn per ŝoveliletо, kial do vi trinkos vian kafon per kulereto kaj ne per kulerileto?*

*— Ridinde! ĉion oni ne povas ŝanĝi! tiom pli, ke ŝanĝo, kiu ŝajnas aprobinda al Franco, ŝajnus nek necesa, nek bona al Ruso, ktp. Vere estas, ke plej ofte niaj propraj nacilingvaj kutimoj inspiras niajn kritikojn kaj dezirojn. Ni ne ŝanĝu ĉion:*

*— Nek ĉion, rediris la Blankbarbulo, nek ion! Ni, amikoj, kulturu nian ĝardenon, kiel S-ro Kandido ĉe Voltaire; ni fosu nian sulkon kaj senlace propagandu Esperanton!*

*Tiel parolinte li ekfajrigis la cigaredon de sia amiko per alumeto.* Th. Cart.

---

## KRONIKO

Ni rememorigas, ke por la redakto de tiu rubriko ni bezonas la kunlaboradon de ĉiuj legantoj, speciale de ĉiuj Delegitoj de UEA. Ni plezure enpresos ĉiujn *freŝajn* informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, ktp. Oni bonvolu skribi koncize kaj tre legeble. Por esti enpresataj en la plej proksima N-ro, ĉiuj komunikaĵoj devas esti ricevataj de ni *antaŭ la 10a kaj 25a de ĉiu monato. Pri malnovaj faktoj ni ne raportas.* *La redakcio.*

### Aŭstrio-Hungario.

*Czernowitz:* F-ino P. Melniĉukvina gvidas du kursojn kun 41 anoj. — *Graz:* La Stiria Esp. Societo aranĝis la 3 kaj 7 aprilo publikajn paroladojn pri Esp. en la Landes-Oberrealschule; parolis S-ro Geier, Del.; ĉeestis 40 personoj. La 17 aprilo komenciĝis nova kurso sub gvidado de S-ro K. Bartel; partoprenas 20 anoj. La landestraro afable disponigis ĉambron en la Supera Provinca Reallernejo. La Stiria Esp. Societo denove eldonis kvarpaĝan varbfolion en 2000 ekz. Gvidfolio tra Graz estas en preparo. Dum la regiona kunveno de la Esp-ianoj, la 22 aprilo, S-ro P. K. Geier faris paroladon pri UEA kaj raportis pri la servoj faritaj de januaro ĝis nun. — *Pozega:* Malfermiĝis la unua Esp. kurso kun 50 anoj sub gvidado de S-ro M. pastro Dobrovoljac. — *Praha:* S-ro J. Mráz gvidas privatan kurson kun 10 anoj. La Virina gimnastika grupo „Sokol" aranĝis la 25 aprilo paroladon de S-ro Pitlik pri la eŭropa peresperanta paroladvojaĝo.

### Britujo.

*Burnley:* La ĝenerala kunveno de la grupo okazis komence de aprilo; la prezentitaj raportoj montris kontentigajn rezultatojn. — *Doncaster:* Dum la ĝenerala kunveno de la grupo S-ro W. R. Jennings estis elektita kiel sekretario anstataŭ S-ro Rodgers, kiu prizorgis ĝis nun tiun oficon. — *Dundee:* S-ro J. M. Warden el Edinburgh faris interesan paroladon kun lumbildoj pri Parizo, urbo de la Deka kongreso. — *London:* La societo de Sutton havis okazon propagandi Esp. ĉe granda ekspozicio aranĝita de la Sutton Boy Scouts' Association. Ĉirkaŭ 900 propagandaj folietoj estis disdonataj; la ekspozicion, kiu daŭris du tagojn, vizitis ĉirkaŭ 1200 personoj.

### Francujo.

*Cannes:* S-ro Cresp, Del., la 2 majo faris paroladon pri Esp. kaj UEA. — *Grenoble:* Dum kunveno de la bulgaraj gestudentoj en la tiea universitato S-ro Krestanof faris bonsukcesan paroladon pri Esp. kaj UEA. — *Nice:* La grupo organizis belan propagandan feston sub patronado de la urbestro, S-ro Generalo Goiran. La paroladon faris S-ino M. Hocq. Koncerto finis tiun bone sukcesintan feston. — *Toul:* La 26 aprilo okazis sub prezido de S-ro D-ro Bouchon la jara amika tagmanĝo de la „Toula Stelo". Laŭ peto de la ĉeestantaro S-ro M. Boubou faris paroladon pri Esp. kaj poste prezentis deklamaĵon. — *St. Amand:* La 30 aprilo okazis parolado de S-ro R. Richez, Del. en Fresnes. Ĉeestis 400 personoj. Sekvis kinematografa prezentado. — *Vienne:* Tre bone sukcesis la propaganda festo de „Sunradio"; la programo konsistis el komedieto, koncerto kaj balo.

### Germanujo.

*Berlin.* S-ro William faris paroladon, la 5 majo, pri la Panamakanalo. — *Danzig:* En la monata kunsido de la grupo oni decidis prezenti petskribon al la magistrataro por ke ĝi nomu unu el la novaj stratoj „Zamenhofstrasse". — *Dresden:* Dum la monata kunveno de la Societo Esperanto S-ro D-ro Arnhold faris tre interesan lumbildparoladon pri sia vojaĝo al Madera, Alger, Napoli, Rom, Venecia kaj Brioni. — *Hamburg:* S-ro Senff faris paroladon pri sia vojaĝo al Tenerife, kie li dum sia ĉeesto antaŭ du jaroj fondis grupon, kiu nun havas 60 anojn. En la grupo Progreso F-ino Boldt paroladis pri sia vojaĝo al Skotlando. — *Helmstedt:* Fondiĝis laborista grupo kun 25 membroj. — *Königsberg:* La grupo aranĝis amuzan vesperon por fini la vintran sezonon. — *Leipzig:* La Esp. ekzameno de la policanoj, instruitaj de S-ro Degen, tre bone sukcesis. — *Miesbach:* Fondiĝis Esp. grupo kun 20 anoj, kiuj vizitas kurson, gvidatan de S-ro O. Ziegler. Prezidanto de la grupo estas S-ro Chr. Ziegler. — *Zabrze:* Kurso kun 20 anoj.

### Hispanujo.

*Barcelona:* La 12 aprilo Barcelona Stelo kun la helpo de la grupoj en Tarrasa kaj Rubi organizis gravan ekskurson, kiun partoprenis multaj samideanoj. La 18 aprilo la sama societo aranĝis balon, kiu bone sukcesis, kaj la 10 aprilo okazis ekskurso al Vallvidrera.

### Rusujo.

*Astraĥan:* La Esp. Societo aranĝis dum la paskofesto Esp. ekspozicion, kiu estis bone vizitita. La lokaj gazetoj favore raportis pri ĝi. — *Ĥarkov:* S-ro R. Brandt, profesoro de la Moskva uni-

versitato, faris paroladon pri Esperanto. Ĉeestis multaj personoj kaj interalie kelkaj profesoroj. En multaj gazetoj aperis recenzoj. — *Moskvo:* La Societo konsentis por la Tria Tutruslanda Kongreso en Moskvo 50 rublojn. — S-ro Obruĉev faris lumbildparoladon pri siaj vojaĝoj al Ĥina Djungario. — *Orel:* S-ro Ĵivopiscev, fabrikposedanto, dissendis pli ol 100.000 propagandajn folietojn pri Esp. kaj deklaris, ke de nun li korespondas kun siaj eksterlandaj klientoj en Esp. — *Zaporojje-Kamienskoje:* La amuza vespero aranĝita de la loka Societo estis vizitita de pli ol 100 personoj. La programo konsistis el komedieto, koncerto kaj diversaj deklamoj.

## Serbujo.

*Cuprija:* La 28 aprilo okazis propaganda parolado de S-ro L. Berger; kurso estas malfermita.

## Svisujo.

*Arbon:* Dank'al la klopodoj de S-ro O. Schmid kurso baldaŭ malfermiĝos; enskribiĝis ĝis nun 10 personoj.

## Nord-Ameriko.

*Butte:* S-ro E. H. Fain gvidas kurson kun 8 anoj. — *Chicago:* S-ro D-ro B. K. Ŝimonek, Del., gvidas sian duan klason kun 20 anoj. — *Fresno:* Okazas kurso kun 5 anoj gvidata de S-ro T. L. McNeece.

# ESPERANTO-KONGRESOJ

### VII. Kongreso de Orientbohemaj Esperantistoj

Tiu kongreso okazos la 21 majo en Prelouĉ, en la hotelo „Ĉerny Kun". Je la 9 h. matene malfermo de la Esp. ekspozicio kaj kunveno de la Esperantistoj; je la 12 h. komuna fotografado, je la 1 h. komuna tagmanĝo; poste promenado; vespere diversaj prezentaĵoj.

### IV. Bavara Esperanto-Kongreso

Ĝi okazis en Regensburg la 18 kaj 19 aprilo. La propaganda kunveno estis bone vizitata, kaj ĉeestis ankaŭ la urbestro. S-ro D-ro Orthal kun bona sukceso faris paroladon pri Esp. La 19 aprilo matene okazis la laborkunsidoj kun komuna tagmanĝo; posttagmeze aŭtomobila ekskurso al la „Walhalla". Kiel venontan kongresurbon oni elektis Bamberg.

### V. Kongreso de la Esperantista Federacio de Provence

Gravan sukceson ricevis tiu kongreso okazinta en Cannes de la 18 ĝis la 20 aprilo, kaj organizita de S-ro Cresp, prezidanto de la Federacio kaj Delegito de UEA. Ĉiuj grupoj estis reprezentataj. La 18 aprilo dum la labora kunsido oni elektis novan komitaton; prezidanto de nun estas S-ro Lemarchand; tuj post la komuna manĝo okazis venecia festo ĉe la haveno. La 19 aprilo matene diservo kun Esp. prediko farita de S-ro pastro Dol; poste oficiala akcepto de la kongresanoj per la urbestro. Vespere okazis festeno, kiun partoprenis 100 personoj, interalie la urbestro kaj vicurbestro. La 20 aprilo ekskurso al Grasse, kiu bone sukcesis.

### Listo de la Kongresoj dum Pentekosto

Jen la listo de la Esperanto-Kongresoj aŭ kunvenoj, okazantoj dum Pentekosto (31 majo—1 junio):

*Bourg:* Kongreso de la Esp. Federacio de Burgonjo kaj Ĵuro, kaj de la Esp. Rodana Federacio.
*Franzensbad:* Aŭstria Esperanto-Tago.
*Horsens:* Dana Esperantista Kunveno.
*Leipzig:* Germana Esperantista Kongreso (G. E. A.).
*Mecheln:* Belga Esperantista Kongreso (B. E. K.)
*Sankt Gallen:* Kunveno de Svisa Esperanta Societo (S. E. S.).
*Sheffield:* Brita Esperantista Kongreso (B. E. A.).
*Szeged:* Hungara Esperantista Kongreso.

Fine la Normanda Esperantista Kongreso okazos en *Sotteville-les-Rouen* la 24 majo 1914 (ĝi koincidos kun la inaŭguro de la strato Zamenhof).

Al ĉiuj tiuj kongresoj kaj kunvenoj ni deziras plej bonan sukceson.

La pli multaj Esperantistaj manifestacioj okazas dum Pentekosto; tion oni jam povis konstati en la antaŭaj jaroj. Ĉu do ne taŭgus koincidigi la proponitan tutmondan Esperanto-festotagon kun la dato de Pentekosto? Ĉu Esperanto ne estas, kiel solene diris Profesoro Mayor ĉe la Cambridge'a Kongreso, la moderna miraklo de Pentekosto?

# DIVERSAĴOJ

∴ **Esperanto en la saksa Parlamento.** — En nia lasta No ni jam aludis pri la tie okazinta diskutado pro Esperanto. S-ro W. Hahn, sekretario de la Saksa Esperanto-Instituto, bonvolis sendi al ni la jenajn pluajn klarigojn:

Depost 1908, la jaro de la kvara kongreso en Dresdeno, Esperanto pli kaj pli ĝuis la favoron de la Saksa registaro. La fondo de la *Saksa Esperanto-Instituto,* kiu dependas de la ministerio de la internaj aferoj, kaj la aranĝo de la *„Reĝa Esperanto-Biblioteko"* estis certe la plej gravaj sukcesoj de la Dresdena mondkongreso. En la lastaj semajnoj, Esperanto denove estas pritraktita en la saksa parlamento, kaj ni povas esti vere fieraj pri la ŝatateco de nia movado flanke de la tuta delegitaro. La saksaj esperantaj instruistoj estis petintaj pri enkonduko de la esperanta lerneja instruado. Plej efike kaj impresege parolis tiuokaze la famekonata parlamentano D-ro Steche, la lerta kaj sukcesplena festparolinto de la Stuttgarta kongreso, pri nia afero, interrompite de tempo al tempo per la aplaŭdo de la delegitaro, kiu preskaŭ senescepte konsentis pri la interesega raporto. Ankaŭ kelkaj aliaj parlamentanoj esprimis per pluaj paroladoj sian favoron por nia movado kaj deziris, ke la reĝa registaro ĉiamaniere helpu al la esperanta afero. Eĉ ne unu delegito kontraŭbatalis Esperanton mem. Same ĝojiga kiel la pritraktado de la temo flanke de la parlamento estis la respondo de la reĝa ministro, kiu ĉirkaŭe diris: „La reĝa registaro bone konas la grandajn progresojn de Esperanto en la lastaj jaroj kaj scias, ke multaj magistratoj apogas ĝin. Ĉar nun ne estas eble, akcepti Esperanton en la planojn de la popolaj lernejoj pro troa alia pritraktota materialo, tamen la ministerio tute konsentas, ke la magistratoj mem donu la lernejajn ĉambrojn senpage por la esperanta instruado."

Tiuj rezultatoj estas tre gravaj, ĉar pri la parlamentaj paroladoj ĉiuj gazetoj raportas, kaj per tio Esperanto estas propagandita en la tuta lando. Certe estos la unua sekvo, ke laŭ la rekomendindaj vortoj de la ministro la esperantaj instruistoj komencos kursojn en la lernejoj. Ni esperu, ke Esperanto ankaŭ en aliaj parlamentoj estos pritraktota tiel favore kiel en la saksa!

∴ **Esperanto-monumento.** — Ni jam diversfoje aludis pri la starigo de Esperanto-monumento en la kuracurbo Franzensbad (Aŭstrio). La malkovra ceremonio okazos dum Pentekosto, okaze de la tutaŭstria Esperanto-Kongreso. La sumo de la ĝisnunaj mondonacoj atingas 1796,50 Kronojn; 3000 Kronoj entute estas bezonataj. Sendu ĉiujn donacojn al S-ro J. Hechtl, Esp. Grupo, Franzensbad (Bohemujo).

∴ **Nova propagandilo.** — La svisa „Esperanto-Auskunftsstelle" sciigas al ni, ke nia konata samideano S-ro H. J. Unger en Zürich (Svislando) nun laboras pri nova tre grava propagandilo. La libreto, kiu verŝajne aperos je la fino de tiu ĉi jaro, prezentos al nia propagandistaro riĉan sisteme ordigitan materialon pri la ĝisnunaj tutmondaj sukcesoj kaj progresoj de Esperanto. Ĉiujaraj aldonoj kaj kompletigoj zorgos pri daŭra laŭtempeco de la materialo. Speciale atentinde estas, ke la libreto sciigos nur tiajn sukcesojn, kiuj fakte ekzistas kaj ne dankas sian ekziston al la trogravigemo de malzorgaj gazetaj raportantoj. Tial S-ro Unger kontrolos ĉiun noton,

kiun li volas enmeti en sian broŝuron. Pri internacia enketo, baldaŭ farota por kompletigi kaj kontroli la ĝis nun kolektitan riĉan materialon, ni ankoraŭ raportos. Hodiaŭ ni nur volas atentigi nian legantaron pri tiu ĉi valora propagandilo, kiu certe multe utilos al nia movado, kontraŭbatalante per nudaj verajoj la blufemon kaj trograndigemon de iuj samideanoj, kiuj ankoraŭ ne komprenis la grandan respondecon de sia danĝera agado.

.·. **UEA en Londono.** — Jen resumo de la raporto de la Ĉefdelegito de UEA dum marto kaj aprilo:

*Korespondado:* Leteroj ricevitaj 224, forsenditaj 287.

*Kotizaĵoj:* Estas nun en Londono 239 membroj, tre kontentiga nombro.

*Servoj:* 46 servoj estas faritaj, el kiuj 17 por komerco, 11 por turismo, 3 por studentoj, 15 diversaj. Jen ekzemploj de kelkaj servoj faritaj: La rusa registaro kolektas informojn el ĉiuj landoj pri la leĝoj rilate al la kinematografoj (impostoj, ktp.); al ĝi la Del. sendis plenajn detalojn kune kun specimeno de la angla leĝo, sendis al rusa firmo detalojn pri pudromiksiloj, faris hotelaranĝojn por germana karavano, sendis al holandano liston de libertempaj kampoj, al rusa firmo adreson de fabrikisto de plumba lano por la kunligo de metalaj tuboj, negocas kun kelkaj firmoj por partopreno en konkurso pri livero de granda nombro de motorbusoj por hungara urbo, ktp. ktp.

La Ĉefdelegito por Londono rememorigas, ke lia adreso estas nun 17, Halford Str., London W. C., ĉe la nova sidejo de B. E. A.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

*La kotizaĵoj por 1914 estas pageblaj al la Delegitoj, aŭ, se ne estas, al la C. O. de UEA.*

*Ordinara membro:* Fr. 2. 50 (Sm. 1).

*Subtenanta membro:* Fr. 5 (Sm. 2).

*Interŝanĝa aŭ Studenta Fako:* Fr. 1. 25 (Sm. 0. 50).

*Esperantia Entrepreno:* Fr. 12. 50 (Sm. 5).

*Id.* (Esperantista organizaĵo): Fr. 7. 50 (Sm. 3).

*Ĉiu membro paginta la kotizaĵon por 1914 ricevos de la C. O. de UEA la membrokarton kaj la Jarlibron.*

**Profesia statistiko de la Delegitoj.** — S-ro Frant. Kucera, Del., Knezeves (Bohemujo), faris statistikan tabelon de la profesioj de la Delegitoj kaj Subdelegitoj de UEA laŭ la *Oficiala Jarlibro* (eldono 1914). Ni ĉi-sube publikigas la rezultatojn de tiu laboro. Inter krampoj estas la ciferoj por 1913. Kvankam, malgraŭ niaj admonoj, sufiĉe multaj Delegitoj (347) ne konigis sian profesion, la sube legeblaj ciferoj tamen liveras sufiĉe ĝustajn indikojn pri la profesiaj okupoj de nia Delegitaro.

*Instruado:* 196 (167)

| | | | |
|---|---|---|---|
| 102 (99) | instruistoj | 14 (17) | instruistinoj |
| 80 (51) | profesoroj | | |

*Komerco kaj industrio:* 285 (207)

| | | | |
|---|---|---|---|
| 126 (98) | komercistoj | 47 (37) | komercoficistoj |
| 15 (12) | agentoj | 41 (22) | bankoficistoj |
| 10 (5) | prokuristoj | 11 (10) | asekuristoj |
| 19 (15) | librotenistoj | 16 (8) | industriistoj |

*Ŝtat- kaj publikoficistoj:* 187 (137)

| | | | |
|---|---|---|---|
| 60 (17) | ŝtat- kaj urboficistoj | 25 (24) | militoficistoj |
| 30 (26) | poŝtoficistoj | 42 (41) | fervojoficistoj |
| 5 (3) | policoficistoj | 7 (5) | skribistoj |
| 18 (9) | dogan- kaj impostoficistoj | | |

*Diversaj profesioj:* 500 (265)

| | | | |
|---|---|---|---|
| 6 (6) | notarioj | 9 (8) | desegnistoj |
| 33 (23) | advokatoj | 7 (3) | fotografistoj |
| 20 (17) | pastroj | 8 (2) | artistoj |
| 20 (7) | ĵurnalistoj | 10 (7) | muzikistoj |
| 10 (4) | verkistoj | 52 (43) | inĝenieroj |
| 8 (6) | redaktoroj | 12 | arkitektoj |
| 42 (42) | studentoj | 13 | libristoj |
| 62 (40) | kuracistoj | 39 | oficistoj (ne precizigita) |
| 31 (29) | apotekistoj | 14 | presistoj |
| 5 (3) | drogistoj | 18 | laboristoj |
| 21 (10) | dentistoj | 21 | metioj diversaj |
| 7 (5) | ĥemiistoj | | |

Entute 1515 personoj (kun 347 ne notitaj profesioj), el kiuj 88 virinoj (6 %).

**Internacia Kongreso de la Komercaj Ĉambroj.** — UEA aliĝis al la VIª Internacia Kongreso de la Komercaj Ĉambroj okazonta en Parizo (junio 1914). Ĝi estos tie reprezentata de S-roj Rollet de l'Isle, prezidanto de la S. f. p. E., Camescasse, Del. en Parizo, kaj Célestin Rousseau, prezidanto de la propaganda komisiono de S. f. p. E.

**Etato de la Esperantianoj.** — Je la 30 aprilo estas enkasigitaj de la Centra Kaso de UEA 6054 kotizaĵoj (el kiuj 126 subtenantoj kaj 132 dumvivaj membroj).

*Fakaj membroj.* — Interŝanĝa Fako: 443; Studenta Fako: 32.

**Statistiko.** — Movado de la korespondaĵoj de la C. O. de UEA dum aprilo 1914:

| Ricevitaj | Forsenditaj | Mandatoj |
|---|---|---|
| 1216 | 2554 | 218 |

Tuta sumo: 3988. Antaŭa monato: 3225. Antaŭa jaro (sama monato): 3225.

**Financoj.**

*Konteltiro de UEA por la monato aprilo 1914:*

| Enspezoj | Fr. | Elspezoj | Fr. |
|---|---|---|---|
| Membroj | 884. 60 | Oficejo | 62. 85 |
| Subtenantoj | 40. — | Salajroj | 615. — |
| Entreprenoj | 276. 36 | Korespondado | 124. 50 |
| Jarlibro | 277. 25 | Materialo | 61. 95 |
| | | Presaĵoj | 21. — |
| | | Jarlibro | 100. — |
| | | Ofic. Organo | 97. 75 |
| | 1478. 21 | | 1083. 05 |
| | | Saldo | 395. 16 |
| | 1478. 21 | | 1478. 21 |

**Novaj Delegitoj.**

*Aleksandrovsk* (Rusujo, Terek). — D.: Hugo Blank, studento, Filippovskaja 5, kv. 2.

*Clydebank* (Skotlando, Glasgow). — D.: Duncan Keith, c/o Scott, 30, Taylor St.

*Darlington* (Anglujo). — D.: G. P. Woof, 8, Larchfield St.

*Eskilstuna* (Svedujo). — D.: Peter Ekman, direktoro, Köpmangatan 34a.

*Johannesburg* (Transvaal). — D.: E. C. Mawbey, subkalkulisto.

*Pasoeroean* (Java). — D.: Simon Joris Ysselstein, instruisto.

*Szered* (Hungario, Pozsony). — D.: Johano Kratochvilla, instruisto.

**Ŝanĝoj.**

*Amsterdam* (Nederlando). — D.: C. Hes, Geldersche Kade 102.

*Czernowitz* (Aŭstrio, Bukovino). — D.: F-ino Pazja Melniĉukivna, studentino, Dreifaltigkeitsgasse 51.

*Le Creusot* (Francujo, Saône et Loire). — D.: Pierre Dejean, inĝeniero, 6, Rue de Mâcon.
*Schweidnitz* (Germanujo, Silenzio). — D.: Richard Krause, Freiburgerstrasse 15.

**Eksiĝoj.**

*Borga* (D.: Soldan); *Rugby* (D.: Albone); *Salt Lake City* (D.: Jörgensen).

# Esperantia Parolejo

## Pri nia propagando

Pri nia propagando ekzistas tute malsamaj opinioj. Dum unuj estas kontentaj pri la atingita rezultato, al la aliaj la movado ŝajnas kreski tro malrapide. Ĉia stato ŝajnas al ili ne konforma al la senlacaj multjaraj penadoj de la pioniroj. Efektive oni ofte povas dubi pri la taŭgeco de la proponataj kaj aplikataj rimedoj. Ekzemple mi ie legis, ke la plej bona vojo por akceli nian movadon konsistas en tio, ke la Esperantistoj aperigu — kaj aĉetu — kiel eble plej multe da literaturaj verkoj! Tamen, ĉu oni apartenas al la kontentaj, ĉu al la malkontentaj, ĉiuokaze estas ĉies deziro, ke ni preterlasu nenion, kio povas alproksimigi nian finan venkon, kaj tial eble miaj jenaj proponoj estas prikonsiderindaj.

1e En nia movado multe da fortoj estas malŝparataj kaj ne trafas sian celon, ĉar ofte mankas la ĝusta centra kondukado kaj direktado de nia propaganda agado. Ni dispecigas niajn fortojn, ĉar ĉiu procedas laŭ sia propra recepto. Antaŭ kelka tempo iu aperigis en Esp. gazeto alvokon, ke Esperantistoj de ĉiuj landoj sendu poŝtkarton al lia estro (tute negrava persono), por konvinki tiun ĉi pri la disvasteco de nia lingvo! Ĉu oni pafas paserojn per kanonoj? — Mi ne parolas ĝenerale pri la individua propagando, kiu estas necesa kaj tre efika, sed la kutime rekomendata maksimo: Ĉiu fosu sian sulkon! estas ofte fuŝkomprenata. En la bela entuziasmo oni senkonsidere aplikas sian propagandan forton en maltaŭga loko, tiel, ke spertulo povus antaŭdiri malsukceson. Estas domaĝe pri la perditaj energio kaj mono. „Ne malŝparu energion, valorigu ĝin!" admonas Prof. Ostwald. *Ab hoste consilium!* Ni do ankaŭ ĉiam demandu nin, ĉu la akirota sukceso valoras elspezatan laboron kaj monon. Kaj ni agu ĉiam laŭ difinita plano, *ni koncentrigu niajn fortojn!* Kontraŭ tiu postulo ni plej grave pekas en la gazetara fako. Fiere ni anoncas, ke ni havas pli ol 100 gazetojn. Efektive tiu ĉi rimarkinda nombro estas nia malfeliĉo. Ĉi tie havas lokon la proverbo: Malpli estus plu. Anstataŭ tiuj cent gazetetoj, el kiuj unuj apenaŭ vivas kaj aliaj mortadas, el kiuj unuj malebligas ekzistadon al aliaj, kiajn imponajn kaj potencajn gazetojn ni povus havi, se ankaŭ ĉi tie ni koncentrigus niajn fortojn! Kaj kial tio ne estus ebla? — El la gazetoj, kiuj estas nepre necesaj, kaj bone respondas al sia tasko, staras unualoke nia oficiala organo *„Esperanto"*. Ĉiu el ni do per ĉiuj fortoj klopodu, ke ĝi havu kiel eble plej multe da abonantoj. Ĉiu serioza Esperantisto nepre devas ĝin aboni. Varbu por ĝi en ĉiu okazo, rekomendu ĝin al viaj samurbaj samideanoj, al viaj korespondantoj ktp. Se ni tiamaniere laborus, en malmultaj jaroj ni povus atingi, ke *„Esperanto"* havu almenaŭ 30—40.000 abonantojn. Tio ebligus, ke ĝi aperu ĉiusemajne kaj fariĝu pli aktuala; tiu nombro certe farus impreson sur la neesperantistojn, povus efike helpi al ni en la propagando, sed ĝi alportus al ni kroman bonaĵon: gazeto, aperanta en tiom da ekzempleroj, facile havigus al si anoncojn, kaj tiamaniere eĉ neesperantistoj vole nevole subtenus nin. Komprenеble por atingi tiun celon estos nepre necese, ke ne plu aperu novaj organoj (escepte, se ili havas tute apartan taskon kaj estas bezonaj). *Nebezonaj* gazetoj grave malutilas al ni, kaj tial ni devas ilin bojkoti.

2e Ni propagandu unuavice ĉe homoj, kiuj havas *bezonon* de internacia lingvo. Inter ili ekzemple estas la sciencistoj. Mi atentigas speciale pri la alvoko de la fizikistoj kaj ĥemiistoj aperinta antaŭ nelonge en kelkaj gazetoj. Se ni sukcesus por subtenado de iliaj celadoj krei valoran organon por tiu scienco, tio certe konvinkus pri la valoro de nia lingvo kaj instigus aliajn sciencistojn al sama procedo. Same la ordeno de Bontemplanoj sentas bezonon de komuna lingvo por sia internacia anaro. Ke ĉi tie estas taŭga kampo por nia lingvo, tion jam bone komprenis la Germana Esp.-Asocio, eldoninte broŝureton „Der Guttempler und Esperanto". Ni do nepre subtenu ĉi tiun propagandon (ankaŭ la neabstinenculoj kaj eĉ tiuj, kiuj „konsentas, ke ne povas esti festo ktp. sen ŝaŭmanta vino"), plej efike per abono de la gazeto *„La Internacia Abstinenta Observanto"* (S-ro G. Brockhof, Bomlitz [Hannover] Germanujo). Estus vera sukcesego, se ni atingus, ke Esperanto fariĝu oficiala lingvo de tiu grandega organizaĵo, kaj ĉar ĝia estro estas tre fervora al nia lingvo, tio efektive estas ebla.

Ni do laboru, samideanoj, kaj estu oferemaj, ĉar neniu el ni estas tiel malriĉa, ke li ne povus elspezi tian sumeton. Vi ja ne estas avaraj, kiam la demando estas pri via plezuro. Ĉu ni sukcesos aŭ ne, tio dependas nur de nia bona volo.

*Joseph Sommer* (Del. Lippstadt).

## Oni laŭdas!

.·. S-ro *Rud. Petr*, Esp-iano en *Olomouc* (Moravio), kore dankas jenajn Delegitojn: S-rojn J. Camescasse, Paris, Th. Rousseau, Dijon, P. Schwartz, Sundheim-Kehl, kaj S-inon Henriet en Dijon, por afablaj servoj kaj precizaj informoj.

.·. S-ro *Th. Roniger*, Del. en *Le Locle* (Svisujo), kore dankas S-ron R. Zanardi, Esp-iano en Bologna, pro grava servo pri komerca afero.

.·. S-ro *H. T. Bailey*, Esp-iano en *London*, dankas S-ron C. Roncati, Del. en Nice pro faciligo de vizito en Riviera.

.·. S-ro *M. Hyde*, Esp-iano en *Londono*, tre kore dankas la Del. kaj Vicdel. en Firenze kaj Avignon, la Del. en Napoli, Genova, Nice, Antibes, Grasse, Toulon, Marseille, Barcelona, Zaragoza, Madrid, Cordoba, Gibraltar, Antwerpen, Hamburg kaj multajn aliajn samideanojn en ĉiuj lokoj pro afabla sindona helpo kaj akcepto dum sia vojaĝo tra Eŭropo.

.·. S-ro *Gr. Bogojavlevskij*, Esp-iano en *Vilna*, esprimas sian plej sinceran dankon al S-roj V. Hirszovski, Del. en Varsovio, kaj E. Sos, Del. en Wien, pro bonegaj kondukoj tra la urbo.

.·. S-ro *K. Bartel*, Esp-iano en *Graz*, tre dankas al F-ino Gérard, Konsulino en Paris, S-ro Fricke, Del. en Frankfurt a. M., F-ino Jenckel, Konsulino en Hamburg kaj S-ro Silbernik, Del. en New York, pro tre kontentigaj informoj, al la laste nomita ankaŭ pro bona konsilo.

## Oni petas!

.·. S-ro *Dobrovoljac*, Esp-iano en *Pozega* (Kroatujo), petas alsendon de ĉiaspecaj Esperantaĵoj por aranĝi propagandan ekspozicion. La alsendontoj ricevos il. poŝtkarton kun urba vidaĵo.

.·. S-ro *Raz*, Del. en *Beroun*, apud Praha, petas ĉiujn samideanojn, ke ili sendu Esp. skribitajn protestojn al S-ro D-ro P-ro Oktavian Wagner, direktoro de la loka gimnazio, kiu malpermesis, ke la gestudentoj lernu Esperanton. Sekve de tiu malpermeso la lernantoj de du kursoj, kiuj komenciĝis komence de aprilo, kaj kies nombro atingis 200, forrestis.

# Esperantia Vivo

**Edziĝoj.** — S-ro Jules Bouche, Esp-iano kaj ano de la Pariza Esp. Grupo, kun F-ino Thérèse, el Mente (Francujo).

S-ro Lucien Lévy, Esp-iano en Avignon (Francujo) kun F-ino Yvonne Jacob.

# Reciproka Informado

Ĉiu membro de UEA, kiu deziras ion scii pri *iu ajn temo* (komerco, turismo, libroj, institucioj, ktp.) skribu al ni sian demandon. Ni ĝin enpresos ĉi tie kun vica numero. Tre verŝajne inter niaj membroj, kiuj apartenas al plej diversaj medioj, landoj, profesioj, iu povos respondi. Tiun respondon li bonvolu resendi al ni, kaj ni ĉi tie ĝin enpresos. Ni rezervas al ni la rajton mallongigi kaj aranĝi la tekston de la demandoj kaj respondoj kaj, eĉ tute forigi tiujn, kiuj estus kontraŭ la bonmoroj, la ĝeneralaj principoj de nia gazeto aŭ ne havus sufiĉe ĝeneralan intereson. La demandoj kaj respondoj estu kiel eble plej mallongaj kaj precizaj. Oni skribu ilin tre legeble sur apartaj paperfolioj aŭ poŝtkartoj, aldonante la numeron de la membrokarto de UEA.

## Demandoj

32. Mi tre petas sciigi, ĉu ekzistas gvidlibro de Bosnio-Hercegovino itale aŭ germane (la esperantan mi jam havas). Tiu ĉi gvidlibro devas doni 1e informojn pri la hoteloj kaj ĉiuspecaj gastejoj en la lando; 2e priskribon de montaraj promenadoj; 3e sciigojn pri kutimoj kaj lingvo de la loĝantoj. (Adreso de la librejo, prezo, paĝnombro estu montrataj). — M. 1011.

33. Ĉu ekzistas defendilo kontraŭ malsano, kiun kaŭzas venenkolorigitaj feloj dum ilia preparado per enspirado de el ili eliranta venena polvo? — M. 4251.

34. Mi intencas komercadi strutplumojn servantajn kiel ornamo sur la ĉapeloj de l'inoj. Ĉu iu povas nomi al mi vendejon aŭ adresojn de komercistoj pri tiu branĉo? Kiel eviti eblajn impostojn? — M. 8460.

35. Aperis en Japanujo meteorologia jarbulteno kun Esp. aldono. Ĉu iu povas sciigi al mi adreson, kie ĝi estas ricevebla? — M. 6033.

36. Kie sin turni por aĉeti vivantajn, sendifektajn mustelojn kaj musteletojn aŭ junajn naskitarojn? — M. 4374.

37. Kiu povas doni adreson de bona pogranda firmo de kroĉetrikita punto, ktp., la tiel nomata turka punkto? — M. 2682.

38. Kia firmo fabrikas motociklojn por virinoj, kun du aŭ tri radoj, sen selo, sed kun seĝo? — M. 8008.

39. Kia firmo fabrikas kesteton „Struktatar" por konstruado de tubetoj, diversaj turetoj, pontetoj, ktp.? — M. 8008.

## Respondoj

La unua cifero montras la numeron de la demando, la dua (inter krampoj) la paĝon de *Esperanto*, sur kiu ĝi aperis.

4 (15). Rusaj urboj kun pli ol cent mil loĝantoj: Astraĥan 180, Baku 218, Ĉenstoĥov 100, Dvinsk 110, Ekaterinoslav 195, Ekaterinodar 100, Elisavetgrad 100, Ĥarkov 238, Helsinki 145, Jaroslav 111, Kiev 550, Kiŝinev 131, Kokand 112, Lodz 510, Minsk 101, Moskvo 1675, Namangan 103, Nijni-Novgorod 104, Nikolajev 104, Odessa 620, Omsk 130, Orenburg 105, Peterburgo 2018, Riga 528, Revel 117, Rostov 240, Samara 130, Sosnovici 100, Taŝkent 201, Tiflis 273, Tomsk 111, Tula 132, Ufa 103, Varsovio 858, Vilno 200, Vitebsk 103, Vladivostok 120. — M. 8008.

22 (97). Mi plezure sciigos pri la bretona lingvo, kiun mi parolas kaj skribas. Sin turni al S-ro J. Mariette, havenestro, Hennebout (Morbihan, Franc.).

24 (113). Mi ne scias, ĉu la verko de D-ro N. Schliemann aperis, sed plenan informon pri Atlantis oni trovos en la libro de Ignatius Donelly, eldonita de Harper & Brother, New-York. — M. 3114. — Aliaj verkoj pri Atlantis: Atlantis, lasta branĉo de malaperinta tero, de Laurie A., riĉe ilustrita, 292 paĝoj, prezo K. 1.60 (Sm. 0.67), ricevebla ĉe librejo E. Beaufort, Jungmanova ul. 21, Praha. Plie eliris kiel felietono en ĉiutaga gazeto „Grazske Noviny" (1912) kaj poste kiel libro ordigis D-ro Svatek (Praha). Ambaŭ libroj aperis boheme. — M. 725.


# UNIVERSALA ESPERANTIA LIBREJO

GENÈVE 10, RUE DE LA BOURSE GENÈVE

## Ekstraktoj el la katalogo:

En la suba listo oni trovos la plej bonstilajn verkojn de la Esperanta literaturo. Ni rekomendis nur tiujn verkojn, kies stilo estas neriproĉinda kaj kiuj estas indaj esti en la biblioteko de ĉiu bona Esperantisto.

INSTRUADO, HISTORIO: Prezo (afranke Fr.)

| | |
|---|---|
| **Fundamento de Esperanto**, kvinlingva, de D-ro ZAMENHOF. Broŝ. | 2.20 |
| Kun kartona kovrilo | 2.75 |
| **Klasika Libro.** Oficiala Gramatiko kaj Radikaro en poŝformato. Kun ingo | 1.35 |
| KABE. — **Vortaro de Esperanto.** Luksa, 176 p. Kun kartona kovrilo | 4.50 |
| CH. VERAX. — **Enciklopedia Vortareto Esperanta.** Luksa, 250 p. | 6.70 |
| D-ro ZAMENHOF. — **Lingvaj Respondoj.** 2 volumoj (ĉiu) | 0.80 |
| Ed. PRIVAT. — **Karlo.** Facila rakonto en 20 ĉapitroj, 5a eld., 36 p. | 0.50 |
| Ed. PRIVAT. — **Kursa Lernolibro.** Instruilo per parola metodo, 64 p. | 0.50 |
| KABE. — **Unua Legolibro.** Gradigitaj legaĵoj, 4a eld., 180 p. | 2.— |
| D-ro A. FIŜER. — **Esperanta Legolibro.** 2a eld., 116 p. | 0.90 |
| Z. ADAM (A. Zakrzewski). — **Historio de Esperanto** (1887 ĝis 1912). 144 p. | 2.30 |
| Ed. PRIVAT. — **Historio de la lingvo Esperanto.** Popola eld., 54 p. | 1.25 |
| B. KOTZIN. — **Historo kaj teorio de Ido.** 144 p. | 1.50 |
| R. DE LADEVÈZE. — **Demandaro pri la historio, literaturo kaj organizaĵoj de Esperanto** (por Esperantaj ekzamenoj) | 1.50 |
| P. FRUICTIER. — **Esperanta Sintakso,** 75 p. | 1.60 |
| P. FRUICTIER. — **Esperanta Vortfarado** laŭ la fundamento, 115 p. | 2.15 |

LITERATURO:

TRADUKOJ:

| | |
|---|---|
| **La Nova Testamento.** Eldonita de la Brita Biblia Societo. 614 p. Bind. | 2.25 |
| Bind. kun nigra ledo | 2.75 |
| Luksa | 4.— |
| D-ro ZAMENHOF. — **Fundamenta Krestomatio.** 460 p. | 3.75 |
| D-ro ZAMENHOF. — **Hamleto.** Tragedio de *Shakespeare.* 170 p. | 2.30 |
| D-ro ZAMENHOF. — **Ifigenio en Taŭrido.** Dramo de *Gœthe.* 108 p. | 2.30 |
| D-ro ZAMENHOF. — **La Rabistoj.** Dramo de *Schiller.* 144 p. | 2.30 |
| D-ro ZAMENHOF. — **La Revizoro.** Komedio de *Gogol.* 100 p. | 1.75 |
| D-ro ZAMENHOF. — **Marta.** Rakonto de *Eliza Orszesko.* 238 p. | 3.— |
| M. F. ZAMENHOF. **Proverbaro Esperanta.** 82 p. | 2.— |
| FOREL. — **Kultur-celadoj de la nuntempo.** 50 p. | 1.25 |
| A. GRABOWSKI. — **Kondukanto kaj Antologio.** 180 p. | 2.25 |
| KABE. — **La Faraono.** Romano de *Prus.* Tri volumoj. (ĉiu) | 2.60 |
| KABE. — **Patroj kaj filoj.** Romano de *Turgenjev.* 166 p. | 3.— |
| KABE. — **Fundo de l' Mizero.** Romano de *Sieroŝevskij.* 91 p. | 0.85 |
| KABE. — **Pola Antologio.** 2a eld., 154 p. | 2.20 |
| S. MEYER. — **Karmen.** Romano de *Mérimée.* 56 p. | 1.35 |
| RAMO. — **Fabiola.** Romano de Klo *Wiseman.* 428 p. | 4.35 |
| RAMO. — **En Svislando.** Rakontoj de svisaj aŭtoroj. 104 p. | 2.— |
| D-ro VALLIENNE. — **Eneido,** de Virgilio. 274 p. | 3.35 |

ORIGINALAĴOJ:

| | |
|---|---|
| H. A. LUYKEN. — **Paŭlo Debenham.** Romano. 228 p. | 2.80 |
| H. A. LUYKEN. — **Mirinda amo.** Romano. 295 p. | 3.60 |
| H. C. MEES. — **La kaŭzo de senlaboreco.** 58 p. | 1.40 |
| Ed. PRIVAT. — **Pri Esperanta Literaturo.** Parolado. 24 p. | 0.80 |

| | Prezo (afranke) Fr. |
|---|---|
| Ed. PRIVAT. — **Ginevra.** Lirika dramo. 48 p. | 1. 25 |
| Ed. PRIVAT. — **Tra l'Silento.** Poemoj. Lukse eldonita | 1. 50 |
| D-ro SCHULHOF. — **Poemaro.** Tri volumoj. (entute) | 1. 50 |
| D-ro VALLIENNE. — **Kastelo de Prelongo.** Romano. 450 p. | 4. 50 |
| D-ro VALLIENNE. — **Ĉu li?** Romano. 450 p. | 4. 50 |
| MUZIKO: | |
| K. JOST. — **Esperantista Kantaro.** 17 liedoj. 40 p. | 1. — |
| **Esperantista Kantaro.** 2a eld., 10a milo. 72 p. | 0. 75 |
| INSIGNOJ, FLAGOJ: | |
| **Oficiala insigno de UEA.** — Pinglo aŭ broĉo (poŝte rekomendita) | 1. 15 |
| Butono | 1. 45 |
| Por Delegitoj. Pinglo, broĉo aŭ butono | 1. 25 |
| **Esperantista insigno** (modelo Gasse). Pinglo aŭ broĉo (poŝte rekomendita) | 1. — |
| Butono | 1. 25 |
| Kravatpinglo | 0. 85 |
| Ĉeninsigno | 1. 75 |
| **Esperantista flago.** 25 × 16 cm. | 0. 75 |

*ATENTU! — Ĉiuj verkoj supre notitaj estas sendataj afrankite. Por rekomendo aldonu 25 ct.*

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* Pl = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl. = *bildflanko.*

AUERBACH I. V. (Germanujo, Saksujo). — Membroj de la Esperanto Societo deziras korespondi kun ĉiuj landoj. Adresu al: S-ro Hugo Gerisch, fabrikposedanto.

BREDA (Nederlando). — S-ro Th. Post, notaria komizo, 91a, Catharinastrato (kolektas sigelmarkojn ktp.).

BUDAPEST (Hungario). — S-ro Ludoviko Vig, VII, Dob-utca 72, I/II, Pl.

BUDAPEST (Hungario). — S-ro Weisz György, Nagydrofa utca 19, Pl., PM. (kun ĉiuj landoj).

BUDAPEST (Hungario). — S-ro Georgo Székely, Wesselényi u. 20, Pl., PM. (kun ĉiuj landoj).

BUDAPEST (Hungario). — Gefratoj Hazucha, IX. Ferencz-körut 43. I, 5., Pl., PM.

CHATEAU-THIERRY (Francujo, Aisne). — S-ro Georges Delanoue, Del. de UEA, PM., Pl., L. (kun ĉiuj landoj, deziras interŝanĝi PM.).

ESSONNES (Francujo, Seine et Oise). — S-ro René Dugimont, poste restante, L., PK., PM. (kun ĉiuj landoj).

FUERTH (Germanujo, Bavarujo). — S-ro Joseg Mengele, urba inĝeniero, Nürnbergerstr. 156, Pl., L.

HODOLANY (Aŭstrio, Moravio). — F-ino R. Martinikova, studentino, Pl. (kun ĉiuj landoj).

JIĈIN (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro M. Lukaŝ, Ĉelakovského 85, Pl., bfl., PM. (kun alilandaj samideanoj pri botaniko).

LEEK (Anglujo). — S-ro David Ingham, 38 Queen Street, PM., Pl., bfl. (koloraj vidaĵoj).

LEEK (Anglujo). — S-ro H. Goodwin, 12 Picton Street, Pl., bfl. (koloraj vidaĵoj).

LEEK (Anglujo). — S-ro D. Farwell, 19 Parkes Street, Pl., bfl. (koloraj, kun alilanduloj).

LE MARS (Usono, Iowa). — S-ro Charles D. Ray, D. O., Pl. (kun ĉiuj landoj).

LUCKENWALDE (Germanujo, Brandenburg). — F-ino Emilio Köhler, Wiesenstr. 7, Pl., PM., bfl. (Esp. jurnaloj; kun ĉiuj landoj, volonte kun Afriko).

LYSS (Svisujo). — S-ro Hermann Roth, PM., PK. (kun ekstereŭropaj precipe aziaj landoj).

MAISSE (Francujo, Seine et Oise). — S-ro Louis Burlet, à la Gendarmerie, PK., PM.

PLZEN (Aŭstrio, Bohemujo). — Anoj de la Laborista Esp. Grupo deziras korespondadi kun Esp. turistoj pri turismo. Adreso: Laborista Grupo Esperantista, Plzen; Laborista Hejmo „Peklo".

POITIERS (Francujo, Vienne). — La fraŭlinoj kaj fraŭloj de „Esperantista Junularo" deziras konstantan korespondadon kun ĉiuj landoj. Sin turni al la prezidanto: S-ro Gaston Lelarge, studento, 44, rue de la Cathédrale, Pl., PM., L., bfl.

POVOA DO VARZIM (Portugalujo). — S-ro Herminio Cunha, Pl., bfl., PM.

PRINSENHAGE (Nederlando). — S-ro G. van Ravels, instruisto, L., PK., Pl.

PROSTEJOV (Aŭstrio, Moravio). — S-ro R. Fridrich, profesoro, ulice Rejskova 10, (kun samideanoj el malgrandaj, precipe subpremataj nacioj: baska, dana, estona, finna, flandra, galicia, greka, irlanda, kataluna, kimra, litova, lohiŝa, luĵica, serba, skota, slovena, ukraina ktp.

REGENSBURG (Germanujo, Bavarujo). — S-ro Anton Sailer, studento, Klostermeyergasse 3, Pl. (precipe kun grekoj kaj neeŭropanoj; jurnalojn, libretojn).

REUTLINGEN (Germanujo, Virtembergo). — S-ro Paul Kalbfell, bankoficisto, L., PK., Pl., bfl. (kun ĉiuj gesamideanoj pri artoj, psikologio, hipnozo).

ST. COLOMA DE FARNÉS (Hispanujo). — S-ro Petro Costa, Pl. (ekstereŭropajn, PM. kun ĉiuj landoj).

ST. OMER (Francujo, Pas de Calais). — S-ro Gaston Broquet, Hôtel de la Gare).

TJUMENJ (Rusujo, Tobolsk. gub.). — S-ro Nikolaj Kosmiĉ Sartakov, telegrafa kontoro, Pl., L., PK., PM., bfl.

LOSONC (Hungario). — S-ro Jozefo Kiraly, Sükey u. 7, Pl. (kun ĉiuj landoj).

VILA NOVA DE GAIA (Portugal). — S-ro Alberto Rezende, Rua Cabo Borges 135, Pl., bfl. (koloritajn).

WANDSBECK APUD HAMBURG (Germanujo.) — S-ro Aug. Brüggemann, Bramfelderstr. 42, PM., Pl. (sendos belajn Pl. kontraŭ PM. uzitaj).

WIEN (Aŭstrio). — S-ro Jozefo Ĉamrda, X, Ettenreichstr. 26, L., Pl.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

ADRESOJN de kolektantoj kaj korespondantoj el ĉiuj landoj presigas senpage en ĉiu numero „Obroda", studenta gazeto. Adreso: V. Srp, Praha II, Vodiĉkova 38, Esperanto-Oficejo (Bohemujo).

AERGASLUMIGADO. — Aparaton por Aergaslumigado devas nepre posedi ĉiu, kiu loĝas tie, kie oni ne povas akiri lumigadon per elektro aŭ karbogaso. Malkara kaj tamen belega lumo. Petu prezaron. Adreso: J. M. J. Snoeijink, Denekamp (Nederlando).

AGENTECOJN por ĉiuj landoj prizorgas samideano, nomas devenojn ktp. Senpage, nur unu respondkup. Postlagerkarte 93, Berlin SO. 26.

ĈIUJ PERSONOJ, kiuj intencas veni al Kalifornio por viziti aŭ por vivi, estas petataj skribi siajn informpetojn al la suba adreso. Ĝenerala informo pri la Panama-Pacifika Ekspozicio kaj la samtempe okazonta Tut-Pacifika Esperanto-Kongreso estas senpage donata. Berkeley Esperanto-Societo, 1151 Oxford St., Berkeley, Kalifornio, Usono. 1

ESPERANTISTOJ LEGU ATENTE! Ĉu vi volas ŝpari monon? Se jes, kiam vi deziras aĉeti kian ajn komercaĵon francan, turnu vin al la firmo Remy kaj K-in. Ĝi profitigos vin je parto de diskonto ricevota de la fabrikistoj pri ĉiuj artikloj. Skribu petojn kun re-

spondkupono) al Remy kaj Ki., Komerĉkonsulo de UEA, Boîte 450 (poŝtkesto), poste centrale, Paris.

ESPERANTO PAROLATA. — Ŝildo, 22 × 16 ct., blanka fundo kun verda skribo, el emajlo nur fr. 1,50 kun sendo. Universala Esperantia Librejo, 10, rue de la Bourse, Genève.

HISTORIO. — Ni vendus el scienca biblioteko valoran libron titolitan „Geschichte der orientalischen Völker im Altertum" (germanlingve), aŭtoro Dr. F. Justi. La verko enhavas ampleksan materialon de valoraj ilustraĵoj, kartoj, 547 paĝoj. Prezo: fr. 7. 50, sendo fr. 1. Universala Esperantia Librejo, 10, rue de la Bourse, Genève.

HOTELO „KANE" (Esp. Entr.) en Kiev, Fundukleevskaja 1. Ĉambroj de Sm. 1—10. Esperantistoj (kaj komizvojaĝisto citante „Esperanton") ricevas 10 % rabato. Laŭvolo plena pensiono. Centra situacio, komforto, komercaj informoj por gastoj.

INFORMO. — E. Souchay sciigas siajn korespondantojn, ke li ne plu loĝas 134 bld. Exelmans, sed 29 rue d'Ablon, en Athis-Mons (Seine et Oise) en bela kaj sana ĉirkaŭaĵo de Parizo. Lia edzino volonte akceptos hejme, kiel pagantan gaston, fraŭlinon dezirantan perfektiĝi en la franca lingvo.

PENSION-LERNEJO: 17 St. Stephen's Square, London W, D-ro O'Connor. M. A. P. D-ro. Prospekto senpage.

PETO. — Malriĉa studento de pli alta lernejo, por plibonigi sian sanon, serĉas libertempan restadejon en freŝa aero. Li estas preta labori en ĝardeno; li ankaŭ scias fari galanteriajn objektojn el vitroperloj. Adreso: S. Bogdanowicz, Lipnik 560, Galicio, Biala.

RIMEDOJ por la konscia regulado de la infannombro (Nov-Malthusismo), havebla kontraŭ unu internacia respondkupono (10 sd.) ĉe D-ro J. Rutgers, Verhulstraat 9, Hago, Nederlando.

RUSA VORTARO de P. Stojan, laŭ modelo Larousse, enhavas 40 mil vortojn kaj 1300 bildojn. Afrankite kaj rekomendite Sm. 3. 50, bone bindita Sm. 3. 80. Librejo „Esperanto", Lubjanski pr. 3, Moskvo.

SENDU Sm. 0. 250 al Librejo „Espero", Hago, Nederlando, kaj vi ricevos tre interesan moralfilozofian verketon de advokato J. M. van Stipriaan Luiscius, nomitan: Karaktero, 3a eldono kun 26 ĉapitroj.

SIGELMARKOJ. — 100 novaj diversaj Esp. sigelmarkoj por 50 sd. Mi vendas jus de mi eldonitan serion de 20 markoj en 5 diversaj koloroj, plena kolekto de 100 ekzempleroj 50 sd. Konto ĉe la Ĉekbanko Esperantista. Adreso: Joan Amades, Peu de la Creu Nº 10, Barcelona, Hispanujo.

SPESMILO. — La konata spesmilmonero elpensita de P-ro de Saussure estas ankoraŭ havebla. La prezo kun sendkosto rekomendita estas fr. 3. Universala Esperantia Librejo, 10, rue de la Bourse, Genève.

☛ **Schœnfels** (Zugerberg, Svislando) — 1000 m. s./m.

**Alpa Kuracejo kaj Sanatorio**

**por nervaj kaj internaj malsanoj.** — Malfermita la tutan jaron

Plej alta instituto por hidroterapio kaj la ceteraj fizik.-dietetikaj kuracmetodoj. Belega perspektivo al lago kaj altalpoj. Oni petu prospekton. Esperanto parolata. Esperantista hejmo. Moderaj prezoj.

La direktanta kuracisto:
D-ro *Fr. Uhlmann*, membro de TEKA.

La plej bela loko en *Kalifornio* estas **LAKE COUNTY** (grafllando). Tie kreskas bone ĉiaj fruktoj, greno kaj legomoj. Malkara tero. Skribu por detaloj **Lake Co, Land Co, Lakeport,** Kalifornio.

HOLDEN FRATOJ

liveras Botojn, Ŝuojn, Sandalojn, Pantoflojn, Kaŭĉukajn Ŝuojn, Ŝtrumpojn kaj Ŝtrumpetojn. Ĉiuj ekskluzive laŭ la tipo „Naturformo"



HOLDEN FRATOJ

3, Harewood Place, Oxford Circus, London W.

Katalogoj senpage. Oni parolas Esperante.

Por la Skribtablo




Inko Pelikan

Agrable facilfluanta

Postulu prospekton esperantan kaj senkostan specimenon de la fabrikanto

GÜNTHER WAGNER

Hannover [Germanujo] kaj Vieno [Aŭstrio]




**H. Th. Grimm, Hamburg I,** agento kaj komisiisto ĝenerala.

HUGUENIN FRERES & C

LE LOCLE

MEDAILLES—

INSIGNES

BIJOUTERIE—



